# REGo

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo* **№ 3-4 (94-95) julio 2016**


Viktoro, Amalia kaj Natalia Aroloviĉ (Moskvo, 2011)



**Moskvo, 2016**

# enhavo







**REGo**

(Rusia Esperanto-Gazeto)

*№ 3-4 (94-95) julio 2016*

*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Georgij Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso:* gazeto@mail.ru

***abontarifoj por 2016:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 700 rubloj, sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*aŭ pagendaj al:* 410011382499386
en la pagsistemo “Яндекс.Деньги”

*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj*
*pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*

***elektronika abono*** *– 350 rub. (10 eŭr.)*

# *Viktor Arolovič*

# DUONJARCENTO EN ESPERANTUJO

(*Daŭrigo*[1])

*Komence mi petu pardonon de la legantoj pro bedaŭrinda eraro en la pasintnumera publikaĵo (p. 1, la 18-a linio): la familinomo de novosibirska E-veteranino estas ne Vereŝagina, sed Vereŝĉagina.*

## Galope tra la jaroj (II)

La jaro **1979** estis eksterordinare grava por la sovetia E-movado: oficiale fondiĝis la landa asocio. Ankoraŭ en la antaŭa jaro aperis fermita decido de CK KPSU, kiu, analizinte la staton de la E-movado enlande, konkludis la neceson instituciigi ĝin kaj fondi E-asocion sub patroneco de tri instancoj: SSOD, Komsomolo kaj sindikatoj. La 27-an de decembro 1978 aperis pli konkreta dokumento: komuna decido de tiuj tri instancoj, en kiu estis deklarita la celo fondi E-asocion kaj anoncita la 13-persona Organiza Komitato (OK) por la fonda konferenco. OK konsistis ĉefe el neesperantistoj kaj ekstermovadaj gravuloj: ekzemple, reaperis la iama sekretario de E-Komisono ĉe SSOD Anatolij Makovskij, jam kiel reprezentanto de la Ministerio pri Justico. Estis tie funkciuloj de la tri nomitaj instancoj, sed enestis ankaŭ reale aktivaj esperantistoj: Vladimir Samodaj kaj Dmitrij Perevalov (Moskvo), Semjon Podkaminer (Leningrado), Aleksandr Korolevič (Lvovo). Por teknika helpo al sia funkciado OK mem nomumis kelkpersonan sekretariaron, en kiu plejparton de la laboro faris Irina Valina (poste Gonĉarova) kaj mi.

La Konferenco mem estis anoncita por marto. Dum la restanta nemulta tempo necesis kontakti la lokajn klubojn kaj enketi, kiom da membroj ili havas, – de tio dependis distribuo de la konferencaj mandatoj. Por fari tiun ampleksan laboron tre utilis la adresa bazo de SEJM. La plej grandaj kaj aktivaj kluboj reeĥis ĝustatempe kaj ricevis la rajton nomumi siajn delegitojn, kiujn oficvojaĝigis al la Konferenco ĉu respublikaj amikec-societoj, ĉu (se temis pri RSFSR) komsomolaj aŭ sindikataj organoj. Reprezentantoj de malpli fortaj kluboj, ankaŭ tre persistaj individuoj kontentiĝis je gastbiletoj.

Do, la Tutsovetia fonda konferenco de ASE (Asocio de Sovetiaj Esperantistoj) pasis en la moskva Domo de Amikeco dum unu tago – la 14-an de marto. Ĝia scenaro (kiuj raportos, kiuj sidos ĉe la prezida tablo, kiujn oni proponos por la gvidorganoj ktp) estis interkonsentita anticipe. Matene

[1] La antaŭajn publikaĵojn vidu en: № 1 (92), p. 1-26; № 2 (93), p. 1-19.

membroj de la sekretariaro kun listoj de delegitoj kaj gastoj sidis en la akcepta halo registrante la delegitojn (kiuj tamen por ricevi la mandatojn devis plenigi personajn demandarojn) kaj gastojn. Ceterajn venintojn oni bedaŭrinde ne enlasis, ĉar la kapacito de la kunsida halo estis limigita. Plejparte ili kulpis mem, ĉar en la SEJM-informiloj ni insiste alvokis: anonciĝu, por ke ni sciu pri via deziro ĉeesti – sed pluraj laŭkutime prokrastis ĝis post la lasta momento aŭ fuŝis la ordon.

Ekzemple mi memoras, ke dum la registrado min alparolis petante gastbileton respektinda grandaĝulo, kies nomo troviĝis en neniu listo. Evidentiĝis, ke li estas malnova esperantisto profesoro Nikolaj Ĉistjakov (poste, en la 80-90-aj jaroj, li prezidis Moskvan E-klubon "Scio") kaj invitis lin Leo Medvedev – sed tiu, ne apartenante al OK nek almenaŭ al la sekretariaro, invitrajton ne havis kaj nin pri la invitito ne informis. Kion do fari? Simple forpeli la grizharan sciencistͦon mi ne emis, sed la sekretariaro ne disponis propran invitrezervon. Tiam mi kaptis vicprezidanton de OK Magomet Isajev (estis ne tute simple, ĉar li tuttempe kuradis tien-reen) kaj klarigis al li la embarason. Li kompreneme aŭskultis, diris: "Bone, mi permesas" – kaj la profesoro trafis aldonan liston de invititoj.

Post kiam ĉiuj delegitoj registriĝis, Anatolij Makovskij, kiu estis prezidonta la mandatan komisionon, kolektis iliajn demandarojn (entute 101), enmanigis al mi kaj petis tuj ekokupiĝi pri kompilo de la konferenca statistiko: kiom da urboj kaj respublikoj estas reprezentitaj, kiom da partianoj kaj komsomolanoj, distribuoj de la delegitoj laŭ aĝo, sekso, nacieco, klero ktp. Pri tia laboro mi havis ioman sperton dumtendaran, sed ĉi-foja specifeco estis, ke la rezulton necesis prezenti urĝe. Mi estis sidigita en apartan apudprezidian ĉambreton, kie mi perceptis la pason de la Konferenco nur kiel fonon – sed ĉio okazis pli-malpli laŭscenare kaj ne forlogis mian atenton.

La Konferencon malfermis la prezidanto de OK, vicprezidanto de SSOD Miĥail Pesljak. Post elekto de la konferencaj la招ororganoj la ĉefajn raportojn faris Magomet Isajev (pri la stato de E-laboro en la lando) kaj Miĥail Pesljak (pri organizaj formoj de la fondata ASE: ĝi estis funkcionta enkadre de SSOD, la rolo de la du aliaj fondaj instancoj estis akcesora). Kiam la du ĉefaj raportoj forsonis, venis vico por la raporto de la mandata komisiono. Se mi bone memoras, mia statistikado tiumomente ankoraŭ ne estis finpreta, mankis kelkaj minutoj; do oni anoncis nelongan paŭzon, dum kiu mi finfaris la statistikon, fordonis ĝin al Makovskij kaj okupis lokon jam en la halo, inter aliaj delegitoj.

Postpaŭze sekvis la raporto de Makovskij, kiu sonigis la kalkulitajn de mi statistikaĵojn. Poste estis debatoj, en kiuj partoprenis ne nur delegitoj:

krom ili (15 parolintoj), oni disponigis la tribunon al gasto de la Konferenco – neformala (kaj post iom da jaroj jam formala) gvidanto de nialandaj blindaj esperantistoj Anatolij Masenko el Kislovodsk: li emfazis egan gravecon de la Internacia Lingvo por nevidantoj, dirante “se Esperanto ne ekzistus, ĝin elpensus blinduloj”.

Unuanime estis akceptitaj la decidoj pri fondo de ASE, pri konfirmo de ties Regularo kaj pri elekto de la 59-persona ASE-Estraro (mi eniris ties konsiston). Enkadre de la Estraro oni anoncis la 13-personan Prezidion, laŭkonsiste similan al OK, – plejparte oficialuloj plus kelkaj aktivaj esperantistoj: la kvar suprenomitaj OK-anoj kaj Boris Kolker (Ufa). Prezidanto de ASE iĝis Magomet Isajev, oni elektis kvar vicprezidantojn: Anatolij Makovskij, Semjon Podkaminer, Vladimir Samodaj kaj Nikolaj Zubkov. La posteno de respondeca sekretario (tamen jam ne de la E-Komisiono, sed de la Asocio) restis ĉe Anatolij Berjoza.

Dum la samtaga kunsido de la Estraro estis formitaj la komisionoj de ASE por diversaj agaddirektoj. (Kun)gvidantoj en plejparto de la komisionoj iĝis homoj aktivaj en SEJM: instru-metodika – Boris Kolker, eldona – Vladimir Samodaj, internacia – Dmitrij Perevalov, MEM – Semjon Podkaminer, junulara – mi, virina – Ludmila Medvedeva, scienc-teknika – Anatolo Gonĉarov, kultur-amasa – Ludmila Novikova.

Sekvamatene okazis spontana neformala kunveno de SEJM-aktivuloj. Proksimume 15-20-ope ni kunsidis en la gastama hejmo de Boris Tokarev kaj diskutis, kion fari pri SEJM. Ĉar la novfondita asocio, almenaŭ laŭ la deklaritaj intencoj, transprenis la taskojn de SEJM, inkluzive la porjunularan direkton, ni konkludis ke la agadon sub la nomo SEJM endas ĉesigi – kaj post tio ĝi fakte ĉesis, kvankam formala malfondo laŭ preskriboj de SEJM-Regularo ne okazis. Laŭe mi preparis la adiaŭan numeron de “Aktuale” kun materialoj pri la fondo de ASE. Tamen SEJM havis ankaŭ operativan (ĉ. 2-semajna ofteco) bultenon “Kurte”, dum pluraj jaroj redaktatan de Vitas Ŝilas. Ĝi pluekzistis preter ASE ankoraŭ tri jarojn, sed jam kiel privata informilo, ne plu SEJM-organo. Kun la nova statuso de “Kurte” ŝanĝiĝis ankaŭ ties redaktoro: de Ŝilas la stafeton transprenis Staseo Gaidamaviĉius (bedaŭrinde forpasinta antaŭ kelkaj jaroj).

Pri la Fonda konferenco de ASE aperis artikoloj en tutsovetiaj ĵurnaloj “Trud [Laboro]”, “Komsomolskaja Pravda [Komsomola Vero]”, “Uĉitelskaja Gazeta [Instruista Ĵurnalo]”. SSOD similan periodaĵon ne havis, sed ĝi informis pri la evento alimaniere: centre de Moskvo, en vigla strato apud la Domo de Amikeco ekzistis ekstera vitrino, kie oni montradis fotojn pri atentindaj eventoj en la Domo. Do baldaŭ post la Konferenco en tiu vitrino aperis kaj dum 1-2 semajnoj restis oficiala konferenca foto akompanita de

enda subskribo. La foto montris delegitojn ĉe du longegaj paralelaj tabloj, inter la kunsidantoj mi sukcesis distingi ankaŭ mian verton kun la jam rimarkebla kalveto…

Du monatojn post la ASE-konferenco okazis gravega por mi privatviva evento: mi patriĝis. Al la naskiĝinta filino ni donis neordinaran nomon Amalia, kiu plaĉis kaj al Natalia kaj al mi (diference de la geavoj ambaŭflankaj, kiuj komence akceptis ĝin kun ŝoketiĝo). Por mi la nomo asociiĝis kun amo, sed poste mia okcidentgermana E-amiko Klaus Schubert klarigis, ke tiu asocio estas misa, ĉar fakte la nomo devenas de pragermana vorto signifanta laboremon. Tamen ankaŭ tiu senco evidentiĝis trafa, ĉar Amalia kaj en la lernejo kaj precipe en la fremdlingva fakultato de MŜU akumuladis la necesajn sciojn serioze kaj persiste, kio certe postulis multan laboron. Post la studado kronita per ruĝa diplomo ŝi estis rekomendita por aspirantiĝi kaj poste defendis kandidatan disertaĵon pri kulturologio. Nun ŝi estas edziniĝinta (ŝanĝinte la familinomon al Filatova), loĝas kun la edzo en Moskvo kaj laboras en moskva reprezentejo de eksterlanda firmao.

Bedaŭrinde, ni ne sukcesis prizorgi normalan E-denaskulan edukadon de Amalia, ĉar komence ŝi longe loĝis ĉe la avino en Sizranj kaj la periodoj de ŝia estado kun ni estis neoftaj. Ni forprenis la filinon al Staraja Kupavna porkonstante nur en ŝia 4-jara aĝo, kiam malfermiĝis infanĝardeno kun lokoj por la instituto, kie mi laboris. La “ora” tempo jam estis preterlasita, kaj kiam ni provis hejme paroli kun Amalia en fakte nova por ŝi lingvo (des pli samtempe kun adaptiĝo al la nova medio), tio kaŭzis reziston. Do ni strebis kutimigi ŝin al Esperanto tiam, kiam por tio estis favoraj kondiĉoj: ni klopodis partopreni E-tendarojn nepre kun la filino, ni vizitis kun ŝi moskvajn klubkunvenojn kaj aliajn E-aranĝojn, al la sama celo servis ankaŭ fojfojaj gastvizitoj de E-istoj en nian hejmon. Rezulte Amalia ekposedis la lingvon pli-malpli meznivele kaj poste eĉ partoprenis sen ni UK-on en Francio kaj OkSEJT-on en Kovrov. Indas aldoni, ke en la supremenciita disertaĵo (pri filozofio de rusaj kosmistoj) ŝi parte tuŝis interlingvistikajn demandojn kaj citis respektivajn fontojn; la ĉefa oponanto dum la defendo estis Sergej N. Kuznecov. Nun Esperanto estas por Amalia afero marĝena, la movadon ŝi ne partoprenas. Tamen ŝi asimilis ion ne malpli gravan ol lingvoposedo: pozitivan rilaton al Esperanto kiel al familia valoro. Do se en ŝia ĉeesto iu diros pri Esperanto ofendan aĉaĵon, Amalia scipovos inde respondi.

Sed mi revenu al ASE-aferoj. Preskaŭ ĉiuj agaddirektoj kaj laborformoj, akumulitaj de SEJM, estis daŭrigeblaj en ASE-kadroj, sed laŭ pli burokratecaj ŝablonoj. Rapide evidentiĝis, ke grave postrestas eldonado de ASE-informilo: la unua numero kun informo pri la Fonda konferenco kaj ties de-

cidoj aperis nur en decembro. La ĉefa kaŭzo estis, ke la redaktoron Nikolaj Zubkov, kiu kungvidis la eldonan komisionon de ASE, SSOD-funkciuloj ne plene fidis; tial la materialojn por "Informacionnij bjulletenj [Informbulteno]" (IB) li devis montri komence al Anatolij Berjoza kaj poste en iuj ŝajnproblemaj kazoj ankaŭ al ties estro Rafael Saakov (fakestro de SSOD, prezidiano de ASE) aŭ eĉ al la reala pintulo de la E-piramido en SSOD – Miĥail Pesljak. Ĉuj ĉi konsentigoj postulis multan tempon kaj fojfojan refaradon aŭ eĉ neniigon de jam pretaj materialoj.

En aliaj komisionoj la vivo plejparte estis pli simpla. Ekzemple mi, kiel la gvidanto de la junulara komisiono, interkonsente nur kun junularaj aktivuloj (hieraŭaj SEJM-anoj) kompilis laborplanon, poste konfirmitan en la Prezidio de ASE, nomumis kelkpersonan konsilantaron de la sekcio ktp. Pli-malpli simile faris ankaŭ aliaj komisionestroj.

Al mi Berjoza daŭre rilatis pozitive kaj foje meminiciate transdonis al mi leteron de maljuna norvega profesoro pri matematiko Olav Reiersøl, kiu serĉis kolegon por korespondi. Mi volonte akceptis la proponon, ĉar al mi Olav estis konata dank' al UK en Varna, kie mi aŭskultis lian prelegon en Esperantologia Konferenco. Ekestis reciproke interesa kaj utila interleterado, kiu daŭris pli ol jardekon: li sendadis al mi siajn broŝurojn, dediĉitajn ĉefe al matematik-terminaj kaj esperantologiaj problemoj; mi reciprokis per opiniesprimoj pri liaj verkoj kaj per modestaj moskvaj E-eldonaĵoj.

En **1981** mi povis konatiĝi kun Olav pli proksime: li kun la edzino Margrete Landmark (ŝi verkis en Esperanto sciencan studon "Infanpsikologio") venis turisme en Moskvon. Mi kun Natalia vizitis ilin en la hotelo "Kosmos" (iajn provojn de ties personaro ne enlasi nin mi ne rimarkis) kaj pasigis en ilia ĉambro agrablan vesperon. Sekvatage ni prizorgis programon por la gastoj distempe: Natalia de la mateno akompanis la norvegojn al moskvaj vizitindaĵoj, kaj mi vespere venigis ilin gaste al Boris Tokarev, kie ĉeestis ankoraŭ kelkaj E-istoj. Post jardeko ni renkontiĝis kun tiuj simpatiaj gemaljunuloj jam en Norvegio,


*Moskvo, 1981. En la hejmo de Boris Tokarev. De maldekstre: la mastro, Olav Reiersøl, Irina Gonĉarova, Margrete Landmark, Anatolo Gonĉarov, mi.*

pri tio temos sube.

La ĉefa evento tiujara por la moskva esperantistaro estis la tendaro OkSEJT-23, kiun organizis Moskva Internacia E-klubo kun subteno de ASE en la jam plaĉinta al ni apudmoskva turistejo "Ŝĉerbinka". Ĉar ekde la fondo ASE respondecis ankaŭ pri la tendaroj, ĝiaj altpostenuloj jam en 1979 esprimis deziron partopreni porkontrole en OkSEJT-21 apud Kievo (OrSEJT-21 ĉe Krasnojarska maro ŝajnis tro malproksima). Komence en la tendaron venis Anatolij Berjoza, meztempe lian lokon okupis Magomet Isajev. La tendaranoj kaj precipe la organizantoj prizorgis, ke ĉio okazu digne kaj sensuspekte. La sekvan jaron en OkSEJT-22 (Ivanovo) partoprenis jam nur Berjoza; ankaŭ tie, kiom mi memoras, estis nenio ekscesa. Des malpli da kaŭzoj havis SSOD-anoj por maltrankvili pri la apudmoskva tendaro, gvidata de bone konataj al ili ASE-aktivuloj, – do partoprenis nur vicprezidanto de ASE Nikolaj Zubkov. Plian fojon certiĝinte, ke ĉio pasis normale kaj senskandale, la ASE-gvidantoj trankviliĝis kaj en postaj jaroj jam ne montris specialan intereson por viziti tendarojn.

En OkSEJT-23 partoprenis 179 personoj, kiuj reprezentis 55 urbojn de 9 uniaj respublikoj. La programo estis tradicie varia: diversnivelaj kursoj, Somera Universitato, aktivula seminario, koncertoj, konkursoj, Neptunfesto ktp. La ĉiutagan tendaran vivon kunordigis stabo el MIEK-anoj: Dmitrij Perevalov, mi, Jurij Fedulov kaj Natalia Ŝoroĥova. Meze de la tendara periodo venis sperta tendarorganizanto Mikaelo Bronŝtejn, kaj ni bonuzis liajn sugestojn por perfektigo de la programo.

OkSEJT-23 estis la debuta tendaro por du elstaraj movadanoj, du Aleksandroj: Ŝevĉenko kaj Titajev. Konstateblas konsterna paraleleco de iliaj vivoj kaj E-biografioj: krom la menciita fakto, ili ambaŭ havis la patronomon Borisoviĉ, ambaŭ E-iĝis en 1980, pli-malpli samtempe ili estis vicprezidantoj de REU kaj ambaŭ unu post la alia tro frue forpasis aŭtune de 2012.



*OkSEJT-23, 1981. Dum la malfermo: Abduraĥman Junusov, Dmitrij Perevalov, mi, Nikolaj Zubkov, Irina Gonĉarova, Vladimir Bespalov.*

Kun tempopaso miaj taskoj de la ju-

nularkomisiona gvidanto ĉiam malpli entuziasmigis min. En lastaj jaroj de SEJM mi estis kutimiĝinta al tio, ke ĝi rolis kiel neoficiala landa E-Asocio, restante junulara ĉefe laŭtitole. Post tio reveni al junula vivpercepto estis nekomforte, ĉar la diferencon inter propre junularaj interesoj kaj la tutmovadaj mi konceptis jam neklare. Unuvorte, estante 33-35-jara, mi jam sentis min "pseŭdojunulo" (tiun trafan vorton mi iam aŭdis de SEJM-veterano Miĥail Ŝevĉenko). Do en 1981 mi transdonis la postenon al Anatolo Kazakov kaj ekaktivis al la organiz-amasa komisiono, gvidata de Anatolij Makovskij, okupiĝante (en rango de ties anstataŭanto) pri laborplanaj projektoj, sistemigo de raportoj kaj similaj rutinaĵoj.

Laŭ la ASE-Regularo, ĉiun trian jaron estis kunvokenda la Konferenco de ASE. Do en **1982** jam venis tempo por la 2-a Konferenco, kaj en marto ĝi okazis. Post la ĉefraporto de Magomet Isajev kaj la raporto de Anatolij Makovskij pri amendoj en la Regularo okazis debatoj, dum kiuj pluraj delegitoj nome de siaj kluboj esprimis gravan malkontenton pri la burokrateca stilo, propra al SSOD-funkciuloj ĉe traktado de ASE-problemoj. La ĉefa celtabulo de la kritiko laŭmerite iĝis la respondeca sekretario Anatolij Berjoza (kvankam de li persone dependis ne absolute ĉio). Do kiam la Konferenco transiris al reelektado kaj oni anoncis liston de kandidatoj por la nova Estraro, inkluzive de Berjoza, ekstaris Boris Tokarev kaj, resumante la ĵus aŭditajn riproĉajn rimarkojn, deklaris por Berjoza rifuzon ("отвод"). Ĉe la prezida tablo estiĝis tumulteto; la situacio kredeble estis senprecedenta. Leviĝis mem Miĥail Pesljak, diris kelkajn laŭdajn frazojn pri sia subulo kaj konkludis: "Kamarado Tokarev, mi tre petas vin: demetu vian proponon" – en lia voĉo eĉ aŭdeblis io humila. Sed Tokarev staris firme kiel roko: "Ne, mi ne demetas ĝin". Do vole-nevole oni devis voĉdonigi lian proponon.

Kaj venis la momento de vero. La voĉdono estis malfermita, oni petis teni la levitajn manojn iom daŭre por ne erari dum voĉkalkulado, do ĉiuj povis vidi, kiu kiel voĉdonas. Ordinaraj delegitoj – reprezentantoj de lokaj kluboj voĉdonis plejparte por la propono de Tokarev. Mi senhezite faris same, malgraŭ la ne malbonaj personaj interrilatoj kun Berjoza – ja temis ne pri oportuneco por mi, sed pri interesoj de la afero (kiel ilin komprenis la plimulto tiumomente). Pesljak observis la aron de levitaj manoj per peza rigardo, kiu por kelkaj sekundoj ial haltis ĉe mi: "Kamarado Aroloviĉ, ni ja scias vian laborlokon". Mi nur ŝultrolevis kaj plutenis la manon levita: en la laborejo mi tiam ne havis problemojn por maltrankvili. Kontraŭ la propono voĉdonis instanculoj kaj flankhazarduloj. Kelkaj ŝanceliĝemaj esperantistoj sin detenis, sed la ĝenerala bildo estis klara: la Konferenco rifuzis al Berjoza elektiĝon en la Estraron.

Tamen kiam la elektita Estraro kunsidis (mi restis en ĝia konsisto), spertaj SSOD-anoj montris al ni "fokuson". La Regularo de ASE antaŭvidis la rajton koopti novajn estraranojn, do la unua demando proponita al la estraranoj estis ... koopto de Anatolij Berjoza. Kaj ĉar en la Estraro la relativa kvanto de oficialuloj ks estis pli granda ol inter la delegitoj, tiu propono ricevis sufiĉajn voĉojn por solviĝi pozitive. Per la samaj voĉoj la kooptita Berjoza estis reelektita kiel respondeca sekretario kaj prezidiano. Sed ĉiuj komprenis, ke la dumkonferenca skandalo ne restos senspura kaj Berjoza pluokupos la postenon nelonge. Efektive, jam samjare lin anstataŭis Galina Matkovskaja kaj iom poste, por pli daŭra tempo ĝis la lastaj tagoj de ASE, Lidija Ŝanina.

Poiomete mi komencis kunlabori kun IB kaj ties redaktoro Nikolaj Zubkov. Li estis homo de siaspeca ĉarmo, interesa rakontanto, kun kiu estis agrable konversacii. Esperanton li komencis lerni junaĝe, ankoraŭ en la 30-aj jaroj, sed serioze aktiviĝi tiam ne sukcesis (kredeble, feliĉe por si). La renaskiĝa ondo de la 50-aj jaroj pretertrafis lin, kaj li trankvile redaktoris en la orienta redakcio de la eldonejo "Nauka", nenion sciante pri la E-vivo en la mondo kaj eĉ en Moskvo. Sed foje en lian kabineton venis Aleksandro Ĥarjkovskij kun manuskripto de libro pri Vasilij Eroŝenko; foliumante ĝin Zubkov rememoris sian iaman okupiĝon pri la lingvo kaj diris pri tio al Ĥarjkovskij – dank' al tiu konatiĝo li reaperis en Esperantujo. Je la momento de sia elektiĝo kiel ASE-vicprezidanto Nikolaj Zubkov jam estis merita kulturaganto de RSFSR kaj vicĉefredaktoro de la orienta redakcio (kiu plurtrajte estis komparebla kun aparta eldonejo), tamen malgraŭ la granda profesia okupateco li konsentis surpreni redaktadon de IB. Mi iam alportis al Zubkov propranjn artikoletojn, iam rigardis aliajn materialojn, iam klarigis al li specifajn movadajn demandojn, en kiuj li ne orientiĝis bone. La bulteno estis plejparte ruslingva (por ke oni povu montri ĝin al oficialuloj – ne nur SSOD-aj, sed ankaŭ lokaj); tamen se venadis materialoj en Esperanto, Nikolaj Bo-



*OkSEJT-25 (Kujbiŝev), 1983. Ĉiam junaj veteranoj de junulara movado: Boris Tokarev, Oleg Ŝtraler, mi, Boris Kolker, Leonid Borisov.*

risoviĉ petis, ke ilin redaktu mi. Aŭtune de 1982 la Prezidio nomumis 5-personan redaktan kolegion de IB, inkluzive min; poste mi plu restis en la redakta teamo ĝis la lasta numero.



*Moskvo, 1983. Dum kunsido de ASE-Estraro: Leo Medvedev, mi, Aleksandro Melnikov.*

Proksimume en la sama tempo dank' al klopodoj de Dmitrij Perevalov la eldonejo APN komencis aperigi broŝurojn en Esperanto, plejparte politikajn. La senlace entreprenema Dmitrij (bedaŭrinde li jam ne estas inter ni) arigis ĉirkaŭ si grupeton de pli-malpli spertaj lingve aktivuloj – ĉefe moskvanoj, sed ne nur. Li, mi kaj aliaj konstante estis ion tradukantaj, redaktantaj, provlegantaj. Baldaŭ aperis populara tiutempe ŝerco, ke la eldonejo estas nomita laŭ la familinomoj de plej aktivaj partoprenantoj de tiu laboro: Aroloviĉ, Perevalov, Novikova.

En **1984** post longa atendado en la instituta vico (kaj ĝenerale post 20-jara komunloĝeja vivo) mi ricevis apartamenton, tamen tiun ĝojan eventon antaŭis plurmonata nervumado. La kaŭzo estis ke la instituto ricevis iom da diversareaj loĝejoj por distribui inter siaj laborantoj, kaj la sindikata komitato ellaboris du alternativajn variantojn de tia distribuo, ĉar oni klopodis atenti diversajn nuancojn: jen tiu pli meritas, sed ĉi tiu pli bezonas, ks. La problemo estis: kiu el la du variantoj definitiviĝos? Mi ambaŭvariante trafus inter la ricevontojn, tamen laŭ unu varianto por nia tripersona familio estus destinita duĉambra loĝejo, sed laŭ la alia – nur unuĉambra. Por ĉiu el la variantoj estis subtenantoj kaj kontraŭuloj, la situacio similis al konflikta, solvo kontentiga por ĉiuj ne troveblis. Sindikatkomitatanoj kaj la interesitoj mem vizitadis konsulte distriktajn kaj provincajn instancojn, respektive en Noginsk kaj Moskvo, sed la demando restis pendanta kaj maltrankviliga. En tiu atmosfero mi decidis aranĝi subtenan peticion nome de labo, al kiu mi apartenis. La labestro min subtenis kaj, kiel kutime faras estroj en similaj situacioj, petis ke mi mem kompilu la tekston. Do mi tie apud la internaj institutaj meritoj laŭde emfazis mian E-agadon: ke mi estas estrarano de tutsovetia socia ogranizaĵo kaj aktive laboras por eldonado de literaturo propagandanta tutmonde la sovetian eksteran kaj internan politikon. La labestro subskribis, la peticio estis transdonita al la sindikata komitato. Post ioma tempo oni finfine decidis, ke la loĝejoj estu disdonotaj laŭ la varianto

favora por mi.

Mi tute ne scias, ĉu la menciita peticio iel efikis, nek eĉ tion, ĉu oni entute legis ĝin: temis pri nur unu modesta folieto en kreskinta intertempe monto de paperoj pri la "brula" demando. Tamen kiam mi rememoras tiun historion, min varmigas la penso ke ĝi ja finiĝis juste: tiu, kiu faris utilon por la ŝtato, eĉ se etan, merite ricevis flanke de tiu ŝtato konvenokazan bonaĵon.

La ricevo de la apartamento evidentiĝis tre ĝustatempa, ĉar jam post jaro en la instituto okazis granda personar-redukto, kiu tuŝis ankaŭ min. Se daŭrus la senloĝejeco, tiukaze – nur por konservi apartenon al la sama instituto kaj ne elfali el la loĝeja vico – mi devus kroĉiĝi al malpli salajrata laboro. Sed, havante tegmenton super la kapo, mi trovis salajre samvaloran laboron en metrologia instituto, situanta en oportuna moskva distrikto, kaj poste pasigis tie dek jarojn.

En **1987** en la tuta mondo estis festata la centjara jubileo de Esperanto. En Moskvo dum monato funkciis granda E-ekspozicio, preparita de Fremdlingva Biblioteko kunlabore kun ASE. Krom E-libroj el la biblioteka fonduso, la ekspozicion konsistigis ankaŭ pluraj libroj kaj aliaj E-aĵoj el hejmaj kolektoj de esperantistoj (ankaŭ mi kontribuis per libroj – memorŝajne ĉ. 20-30). Sur granda informa stando legeblis ampleksa jubilea artikolo, verkita de mi, Irina Gonĉarova kaj Aleksandro Gofen. Dum la malfermo de la ekspozicio parolis Nikolaj Zubkov, Dmitrij Perevalov, Magomet Isajev; ĉeestis pluraj ASE-estraranoj kaj aktivuloj de moskvaj E-kluboj. Venis ĵurnalistoj, inter ili reprezentanto de "Komsomolskaja Pravda" Valerij Hiltunen, kiu antaŭ multaj jaroj lernis la lingvon en la rondeto, kiun mi gvidis en MŜU. La malfermo estis montrita televide.

Post kiam la ekspozicio fermiĝis, mi forprenis la sakon kun libroj kaj veturigis ĝin por kompletigi alian ekspozicion, kiu malfermiĝis en la internacia ekspozicia centro (Krasnopresnenskaja kajo). Tiu dua ekspozicio, kvankam ankaŭ tute oficiala, kun malferma parolo de Isajev, tamen estis pli modesta kaj malpli vizitata. Kiam miaj libroj post la ekspoziciado revenis en la hejman ŝrankon, mi rimarkis, ke unu el ili (aŭ eble eĉ du) mankas. Estis domaĝe, sed mi al similaj perdoj kutimiĝis rilati trankvile – escepte de samizdataĵoj, kiuj povus esti tre raraj kaj netroveblaj eĉ en la E-muzeo en Vieno (sed tiajn mi ja ne eksponiciigis).

Tiu jaro estis rimarkinda ne nur pro la E-jubileo kaj ligitaj kun ĝi aranĝoj, sed ankaŭ pro eventoj, kiuj estis atendataj, sed ne okazis. Temas unuavice pri tio, ke laŭ la ASE-Regularo, amendita de la 2-a Konferenco en 1982, la periodeco de Konferencoj estis ne 3 jaroj, kiel preskribis la antaŭa versio, sed jam 5. Sekve la 3-a Konferenco estis okazonta ĝuste en 1987.

Sed tiu jaro objektive estis neoportuna pro koincido kun du gravaj jubileoj: krom la jam menciita 100-jariĝo de Esperanto, estis la 70-jariĝo de Oktobra Revolucio, ankaŭ neignorebla. Kaj ĝuste tiam la lando estis spertanta epokfarajn ŝanĝojn: la vorto "perestrojko" poste eĉ eniris la novan PIV-on. Samkiel pluraj burokratecaj strukturoj, SSOD estis en stato de perpleksiĝo antaŭ la ĉiutage aperantaj noviniciatoj kaj neprognozebla estonto, eĉ se sufiĉe proksima. Tial ĝiaj funkciuloj, konsentante kun la neceso okazigi la Konferencon, tamen ne rapidis anonci ties daton, preferante laŭeble prokrasti: kredeble ili esperis (kompreneble, vane), ke post ioma tempo la situacio "englasiĝos"…

Estas instrue sekvi tiamajn eventojn laŭ la publikaĵoj en IB. Unuafoje prepariĝo al la 3-a Konferenco kiel tagordero de Prezidi-kunsido aperis ankoraŭ en decembro de la antaŭa jaro, sed pri tio en IB estis nura mencio: nek dato, nek aliaj detaloj. La samo ripetiĝis pri januara kaj marta kunsidoj. Aprile, maje, aŭguste en la Prezidi-kunsidoj pri la Konferenco ne temis – pro evidenta premo de pli urĝaj, ĉefe jubileaj aferoj. Sed intertempe aperis signaloj pri malkontento de la esperantista popolo: la tendaroj OkSEJT-28 (Rostov-Velikij), BET-24 (Latvio) kaj Siberia E-renkontiĝo (Novosibirsk) sendis al ASE ampleksajn rezoluciojn kun konkretaj proponoj por la venonta Konferenco kaj ĝenerale por perspektivoj de la Asocio. Tamen nur en oktobro la prezidianoj rememoris pri la Konferenco: ties dato daŭre ne estis anoncita, sed aperis konferenca preparkomisiono sub gvido de Magomet Isajev.

Decembre okazis eĉ du Prezidi-kunsidoj. Dum la unua Lidija Ŝanina informis pri potenciala ebleco la enlandan ASE-agadon (kiu, diference de la por-eksterlanda, daŭre malkomfortigis SSOD-funkciulojn) transigi al unuiĝo de amatoraj kluboj kuratorata de scienc-metodika centro (SMC) ĉe la Ministerio pri Kulturo; do la prezidianoj konsentis, ke necesas studi regularprojekton de tiu unuiĝo kaj pro tio dume ne dezirindas anonci la daton de la Konferenco. Dum la dua, du semajnojn poste, oni decidis pluesplori tiun demandon kaj diskutigi ĝin en kunsido de la Estraro, kies dato tamen ne estis anoncita. Resume: en 1987 okazis nek la Konferenco, nek eĉ estrara kunsido, laŭ la Regularo okazigata ne malpli ofte ol ĉiujare.

Tia baraktado en burokrateca marĉo daŭris ankaŭ komence de **1988**. En la unua tiujare Prezidi-kunsido, okazinta marte, temis pri traktado de ASE-reprezentantoj kun la menciita SMC; krome oni rememoris pri la porkonferenca preparkomisiono kaj komisiis al ĝi aktivigi sian agadon. Pri la maja kunsido la IB-informo, ne menciante eksplicite la venontan Konferencon, sciigis ke la prezidianoj pridiskutis reorganizon kaj renovigon de la ASE-agado. Atentindas ankaŭ, ke pri ĉi-lasta demando parolis ankaŭ du novaj

SSOD-respondeculoj, kuratorantaj la agadon de ASE: vicprezidanto Oleg Ivanickij kaj fakestro Viktor Jakunin (ekoficintaj respektive anstataŭ la mortinta Miĥail Pesljak kaj la eksiĝinta Rafael Saakov). Do (dume nur laŭŝajne) io komencis moviĝi…

Somere jam kulmine gluglis la bolado "desube", komenciĝinta en la antaŭa jaro: al IB kaj ĝenerale al ASE daŭre venadis leteroj kaj rezolucioj – ĉu de apartaj kluboj, ĉu nome de diversaj interklubaj renkontiĝoj, seminarioj, tendaroj – kun konkretaj plurpunktaj proponoj. Oni insiste postulis okazigi finfine la Konferencon kaj solvi la maturiĝintajn demandojn. En unu en la menciitaj rezolucioj – de OkSEJT-29 (Volgograda provinco), mi patroprenis tie – esperantistoj unuafoje menciis restarigon de Sovetrespublikara Esperantista Unio (SEU) kiel unu el eventualaj manieroj por reorganizi la landan E-movadon.

En septembro stimulaj faktoroj kuninfluis, kaj dum du (kun semajna intervalo) Prezidi-kunsidoj oni decidis okazigi kunsidon de la Estraro (unuafoje dutagan) jam sammonate kaj solvis organiz-teknikajn demandojn necesajn por tio. Kaj dum la estrara kunsido mem, kiu pasis la 26-an – 27-an de septembro, en la debatoj (20 estraranoj kaj 9 gastoj) sonis kritiko pli multa kaj pli akra ol en la 2-a Konferenco. Por forigi la malkontenton jam ne sufiĉus eksigi tiun aŭ alian oficiston, kaj okazis io simila al krevo de absceso. Unue, en la akceptita rezolucio la agadon de la Prezidio oni agnoskis nekontentiga. Due, la Estraro deklaris, ke la strategia celo de rekonstruo kaj renovigo de la sovetia E-movado estu restarigo de SEU kaj redaŭrigo de ties agado, pri SMC ne plu temis. Trie, el la Estraro oni eksigis plurajn "malvivajn animojn" (ĉ. kvarono de la konsisto: plejparte diversnivelaj oficialuloj, inter ili Anatolij Makovskij), kaj anstataŭe kooptiĝis reale aktivaj kaj potenciale utilaj personoj, ekzemple Andreo Ananjin (poste Grigorjevskij), Mikaelo Bronŝtejn, Irina Gonĉarova, Leo Medvedev; kiel vicprezidantoj de ASE estis elektitaj Anatolo Gonĉarov kaj Boris Kolker. Kvare, estis reorganizita la konferenc-prepara komisiono: anstataŭ ĝi la Estraro formis laborgrupon praktike plene el eksaj SEJM-anoj: Vladimir Samodaj, Anatolo Gonĉarov, Anatolo Kazakov, Aleksandro Melnikov, mi, Sergej N. Kuznecov, Irina Gonĉarova, Ludmila Novikova, Dmitrij Perevalov. Kiel limtempo por okazigi la Konferencon tiam estis fiksita mezo de decembro; poste tamen, pro granda amplekso de farenda laboro, novembra Prezidi-kunsido anoncis pli malfruan, jam definitivan daton.

Do la 3-Konferenco de ASE okazis la 23-an – 25-an de januaro **1989**. Ĝi estis tre reprezenta: 212 delegitoj kaj multnombraj gastoj. Post la raporto de Magomet Isajev sekvis kvar kunraportoj (Vladimir Samodaj, Anatolo Gonĉarov, Sergej N. Kuznecov kaj mi): pri diversaj proponoj por reorganizo de

ASE kaj pri ties Statuto. Per domina voĉplimulto la Konferenco decidis restarigi la agadon de SEU kaj anoncis sin la 8-a Kongreso de SEU, aprobinte ties provizoran Statuton (ellaboritan ĉeftrajte de Sergej N. Kuznecov). Estis elektitaj la 24-persona Estraro kaj enkadre de ĝi la Prezidio – Prezidanto Vladimir Samodaj kaj ses vicprezidantoj: mi, Anatolo Gonĉarov, Anatolo Kazakov, Boris Kolker, Sergej N. Kuznecov kaj Aleksandro Melnikov.

La eldonon de IB ni decidis pluigi kun daŭrigita numerado. La kerno de ties redakta kolegio restis, inkluzive la redaktoron Nikolaj Zubkov kaj min. Tamen IB de ASE estis financata de SSOD, sed IB de SEU – ne plu. Nur dank' al sponsoroj ni sukcesis prepari kaj presigi tri numerojn – de 1 (74) ĝis 3 (76).

En la renovigita SEU mi ekgvidis la Komisionon pri individuaj membroj – specialan organon, antaŭviditan en la Statuto. Mi diversvoje akiradis adresojn de izolitaj, eksterklubaj esperantistoj kaj varbis ilin por aliĝo al la restarigita landa asocio. Dum la du jaroj ĝis la sekva SEU-Kongreso mi akumulis en dika paperujo pli ol 300 aliĝilojn. Tiuj personoj reprezentis 11 uniajn respublikojn, iliaj kotizoj konsistigis gravan parton de la nulkomenca buĝeto de SEU.

La 9-a Kongreso de SEU pasis en Moskvo fine de **1990**. El 70 kluboj – kolektivaj membroj de SEU estis reprezentitaj 56. Ĉar la tiama Statuto estis provizora, endis akcepti jam definitivan version, kio kaŭzis multan diskutadon. Pri diversaj venintaj statutproponoj mi faris resuman raporton, trae legante la statutan tekston kun prezento de alternativaj versioj por apartaj artikoloj kaj laŭeble tuja voĉdonigo. Ekzemple la provizora Statuto antaŭvidis duŝtupan strukturon de la gvidorganoj: Estraro kaj Prezidio, kiel estis en ASE; sed pluraj delegitoj preferis, ke estu nur Estraro, kaj tiu propono estis aprobita. Post kiam la tuta Statuto estis tiel travoĉdonita, rezultiĝis teksto, pli-malpli preta por submeti al oficiala registrado.

Dum la reelektado evidentiĝis, ke Vladimir Samodaj ne pretas prezidantiĝi por plia periodo. Pro konsideroj de agad-kontinueco estis dezirinde, ke la stafeton transprenu iu el la vicprezidantoj. Sed el tiuj konsentis kandidatiĝi nur mi, kaj kiam mi anoncis pri tio, aŭdeblis nelaŭtaj, sed sinceraj aplaŭdoj. Dank' al multnombra subteno mi estis elektita kiel Prezidanto de SEU kaj aldone kiel Komitatano A de UEA.

En **1991** pri registrigo de la Statuto okupiĝis vicprezidanto de SEU Andreo Ananjin. Li kontaktis la Ministerion pri Justico, ties kelkaj rimarkoj estis neprincipaj kaj facile plenumeblaj. Do baldaŭ SEU estis invitita al enmanigo de registraj atestoj – tiu solena ceremonio okazis en la ĉefa halo de la ministerio la 30-an de aprilo. Estis nur antaŭtago de la ŝtata festo, sed la humoro de la kunvenintoj jam estis festa. En la halo sidis pogrupe

reprezentantoj de kelkdek diversaj tutsovetiaj sociaj unuiĝoj, ekzemple la Infana Fonduso gvidata de verkisto A.Liĥanov, la sindikato de kemiistoj; neatendite mi rimarkis laborejan kolegon, kiu reprezentis asocion de metrologoj. SEU-anoj venis triope: mi, Andreo Ananjin kaj Mikaelo Ĉertilov. Gvidis la ceremonion imponaspekta vicministro, kiu laŭliste anoncadis nomojn de la organizaĵoj kaj ties reprezentantoj. Tiuj post transpreno de registraj atestoj kun vicministra manpremo kelkfraze alparolis la ĉeestantojn. Ankaŭ mi, kiam venis la vico, emfazis la ĝojon de kelkaj esperantistaj generacioj, kiuj atendis tiun momenton dum pli ol kvin jardekoj.




*Moskvo, 1990. En la prezidio de la 9-a Kongreso de SEU: Anatolo Kazakov, Vladimir Samodaj, Boris Kolker kaj mi. (La foto estas represita el "Esperanto", n-ro 1026 (6), junio 1991.)*

Kiel komitatano de UEA mi komencis ricevadi multajn dokumentojn por trastudi kaj kelkfoje respondi demandojn. La paperoj per si mem estis ne tro interesaj, sed mi esperis trafi somere komitatkunsidon kaj partopreni tie viglan debatadon pri aktualaj movadaj problemoj.

Tiujare la Universala Kongreso estis en Bergen (Norvegio). Mia korespondamiko Olav Reiersøl sendis al mi kaj Natalia personajn invitojn por viziti lin en la kongresa tempo, do fakte por partopreni UK-on. Kun tiuj invitoj kaj necesaj personaj dokumentoj ni iris por ricevi eksterlandajn pasportojn al la provinca pasporta fako ("ОВИР") – la distrikta ankoraŭ ne pretis al tiu funkcio. Kaj kvankam ni fordonis ĉion necesan sufiĉe anticipe (kiel ŝajnis al ni), ni ne sukcesis ĝustatempe ricevi la pasportojn. Mi plurfoje telefonis al la pasporta fako, sed la respondo ĉiam estis la sama: "Ankoraŭ ne pretas, atendu". Do ni antaŭvidis diversajn variantojn de event-evoluo: se UK-on ni ne trafos pro malfruo, ni simple iom gastu en la lando.

La fervojbiletojn ambaŭflanken ni mendis kun malfermitaj datoj. Mi tenis lokon en longega kelktaga vico por ŝanĝi valuton en speciala kasejo (eble eĉ sola en Moskvo), kie oni povis fari tion laŭleĝe. Al Andreo Ananjin mi donis rajtigon anstataŭi min en la kunsidoj de la UEA-Komitato kaze de mia neveno. Intertempe li kaj aliaj kongresontoj forveturis, la kongreso

komenciĝis, sed ni plu atendaĉis. Tiam mia pacienco krevis, kaj mi iris al pli supera instanco – Moskva provinca milica departemento. Tie mi plendis, ke ni nepre bezonas trafi Norvegion dum proksimaj tagoj, ĉar ĉe nia gastiganto finiĝas feriado kaj poste li ne povos nin normale akcepti. Oficisto, kiu aŭskultis min (aŭ legis skriban plendon, mi jam ne memoras), telefoninte ien, diris konfidence, ke la demandon esploras sekurec-organoj, do li petos la personon, al kiu trafis niaj dokumentoj, decidi ion pli rapide – kaj sugestis ke ni "deĵoru" en la pasporta fako ĉiutage. Do, ĵaŭde la 1-an de aŭgusto (la Kongreso estis fermiĝonta la 3-an) en la pasporta fako oni al ni anoncis, ke ĉio estas en ordo, kaj ni ricevis la pasportojn.

Ekde tiu momento la "rado de Fortuno" komencis rotacii favore al ni. Ni senprokraste veturis al la ambasado de Norvegio (situanta oportune centre de Moskvo), tie estis dezerte. Oficistino prenis niajn pasportojn kun la invitletero(j) de Olav kaj tuj stampis vizojn, kiuj rajtigis nin viziti kapitalisman landon (por ambaŭ tio estis la unua fojo), kaj por la vizoj ni neatendite eĉ ne devis pagi! En la valuta kasejo mia vico jam estis proksimiĝanta, kaj post nelonga atendado mi ricevis … ne, ankoraŭ ne valuton, sed specialan paperon, rajtigantan ricevi la valuton en eksterlanda monŝanĝejo. Laste ni vizitis biletkasejon de "Aeroflot" kaj sukcesis preni biletojn ĝis Oslo por plej proksima itinero – jam frumatene la 2-an. (Lokajn biletojn ĝis Bergen prizorgis Olav, ni devis nur anonciĝi en la flughaveno de Oslo.) Ni veturis hejmen, kie jam estis anticipe preparita la vojaĝsako kun ĉio necesa kaj eventuale utila, inkluzive moskvajn E-librojn, suvenirojn ks. Por ne riski, ni decidis veturi al "Ŝeremetjevo" jam vespere kaj nokti tie en la atendejo. La flugo estis senproblema; en la flughaveno de Oslo ni rapide trovis la deĵortablon, kie nin jam atendis la biletoj ĝis Bergen. La itinero estis tre oportuna, ni devis atendi la starton dum ne pli ol horo.

Sed en la flughaveno de Bergen la ĉeno de bonŝancoj ĉesis. Margrete, la edzino de Olav, ial serĉis nin en alia elirkoridoro ol la uzita de ni. Kaj ni estis serĉantaj neniun, ĉar ni ne sukcesis ekscii ke ŝi venos por renkonti. Anstataŭ tio ni devojiĝis por trovi la monŝanĝejon, sed ĝi evidentiĝis fermita por kelkaj proksimaj horoj. Rezulte Margrete forveturis sen ni, kaj ni kun la vojsako kaj sen valuto restis stari ĉe la flughavena elirejo. Apude grupiĝis taksiistoj, ili rimarkis nin kaj interesiĝis pri nia problemo. Ĉar LKK bedaŭrinde ne prizorgis instruadon de Esperanto al taksiistoj, la interparolo pasis duonangle, duongeste. Mi komprenigis, ke ni venis el Moskvo por E-Kongreso, sed momente estas senmonaj pro la fermita valutejo, – sed ni kunprenis botelon da rusia brando kaj povus pagi per ĝi al tiu, kiu veturigus nin al la kongresejo. Troviĝis komprenema ŝoforo, kiu akceptis nian proponon; li sciis pri la E-Kongreso kaj la situo de la kongresejo.

Do ni baldaŭ trafis la internacian E-atmosferon, kie miksiĝis konataj vizaĝoj kun la nekonataj. Mi eksciis, ke oni povas ŝanĝi monon en la kongresejo mem, kaj rapidis al la valutejo, kiu, diference de la flughavena, funkciis senriproĉe. Finfine ekhavinte la monon, mi revenis al la atendanta Natalia kaj trovis ŝin en brakumo de la pardonpetanta Margrete. Ni registriĝis; kredeble el la 2400 kongresanoj ni estis la plej malfruaj venintoj. Margrete gvidis nin al la hotelo, kie estis mendita ĉambro por ni. De tie mi iris al Esperantologia Konferenco, por renkontiĝi kun Olav kaj sciigi, ke ni bonorde venis. Post tio mi rapidis al kunsido de la Komitato de UEA, kie anstataŭ mi okupis lokon Andreo Ananjin – sed mi eĉ ne provis anonciĝi por repreni mian voĉdonrajton: tio estus stulta kaj sensenca, ĉar ĝis la fino de la dumkongresa Komitat-sesio restis nur la lasta duonhoro, nesufiĉa por normale orientiĝi pri la traktataj demandoj.

Post la kunsido mi, kiel la prezidanto de SEU, aliris por konatiĝi kun gvidantoj de UEA. Mi konversacietis kun la prezidanto John Wells, lia antaŭulo Gregoire Maertens (lin mi povus vidi ankoraŭ en 1984, kiam li kiel la prezidanto venis Moskvon invite de ASE kaj renkontiĝis kun moskvaj E-aktivuloj, sed mi pro iu miskompreno maltrafis tiun renkontiĝon) kaj vicprezidanto Ulrich Lins (poste mi revidis lin en Moskvo, kiam estis festata ties 850-jariĝo, kaj intense korespondis kun li pri la rusa traduko de "La danĝera lingvo"). En alia loko (kredeble libroservejo) mi interŝanĝis kelkajn frazojn kun viva klasikulo de E-literaturo – Marjorie Boulton.

Sekvatage – sabate, krom la Solena Fermo, esencaj programeroj jam ne estis. Niaj gastigantoj Olav kaj Margrete, jam tre maljunaj, estis laciĝintaj kaj decidis matene forlasi la Kongreson ne atendante la Fermon. Sed ili esprimis deziron poste akcepti nin por 1-2 tagoj en sia hejmo (ĉe iu fervojstacio inter Bergen kaj Oslo) kaj donis detalan vojklarigon por tio. Dumtage ni promenadis tra la urbo – negranda kaj kompakta: la kongresejo, la hoteloj loĝataj de kongresanoj, la fervojstacio k.a. situis je piedira distanco – kaj ĉiupaŝe renkontadis kongresanojn el diversaj landoj.

En la Kongreso partoprenis Leo Medvedev, li esprimis intereson veturi hejmen kun ni. Ni certe ne kontraŭis sed avertis ke nin atendas gaste Olav. Do ni donis al li ties telefonon kaj petis ke li telefonu al ni tien dum certa tago, kaj poste ni interkonsentu renkontiĝi en Oslo. Certe la ligo estis unuflanka, ja poŝtelefonojn ni ankoraŭ ne konis.

Ni decidis pasigi en Bergen ankoraŭ la sekvan tagon por viziti pliajn vidindaĵojn kaj forveturi dimanĉe vespere. Ni planis post la gastigantoj resti nelonge en Oslo, kaj la plua itinero hejmen estis komplika: inter Stokholmo kaj Helsinko trajnon anstataŭis pramŝipo. Do estis bona preteksto rigardi ankaŭ tiujn urbojn, por tio utilus helpo de tieaj esperantistoj. Tiumomente

ni fidindajn kontaktojn tie ne havis, tamen ni ja estis ne en dezerto, sed en Universala Kongreso! La konatiĝoj kaj kontaktiĝoj tie daŭris ankaŭ post elĉerpo de la programo (kaj eĉ sekvatage). Post la Fermo granda grupo de kongresanoj restis stari ekstere ĉe la kongresejo, ĝuante la kunestadon eĉ malgraŭ ekinta pluveto. En tiu amaseto mi rimarkis Tomas Jansson, la edzon de mia delonga konatino Ingrid Maier. Li informis, ke Ingrid mem ne ĉeestas kaj ke ili jam divorcis, sed volonte donis al mi ŝian telefonnumeron. Apude iu el sovetianoj, vidante ke mi interesiĝas pri kontaktoj en Svedio, rememoris pri la loĝinta tiam en Stokholmo Vladimir Soroka kaj diktis ties numeron. Ne havante submane normalan paperon, mi skribis ambaŭ numerojn sur iu hazarda buŝtukaĉo, zorgege kaŝis ĝin en poŝo kaj bonŝance ne perdis. Pri eventualaj kontaktoj en Helsinko mi tiam ne sukcesis, tio solviĝis poste.

Post la Fermo (aŭ eble tagon pli frue, post la Internacia Vespero: mi jam ne memoras precize) Simo Milojeviĉ invitis min kun Natalia aliĝi al malgranda amika kompanio kiun li kunvenigis en sia hotelĉambro. Ĉeestis krome Hans Bakker kun la edzino Ans, Michela Lipari, memorŝajne ankoraŭ iuj (eble Claude Nourmont kun Brian Moon?). Por la trinkmanĝeta tablo ni kontribuis per pakaĵeto da ordinaraj dolĉaj biskvitoj[1], kiaj ĉiam aĉeteblas en Moskvo ĉiuangule. La biskvitoj ege plaĉis al Hans Bakker: li, spertega homo estinta en pluraj landoj kaj kontinentoj, diris, ke nenie aliloke li gustumis ion similan – neatendite agrabla laŭdo!

Dimanĉe matene ni laŭkutime venis al la kongresejo, sed ĝi jam estis fermita, ni sidis sur apudaj benkoj kaj babilis kun aliaj, same venintaj sen klara celo. Ni disdonis al ili la librojn "Ĉernobil", eldonitajn de "Progreso" en Moskvo. Necesis tamen forlasi la babilbenkojn por sukcesi vidi ankoraŭ ion en la urbo kaj apude… Ĉi tie mi iom deflankiĝu por rakonteti pri atentinda kongresa epizodo, okazinta antaŭ nia veno, do ni eksciis pri ĝi laŭrakonte.

Granda grupo da sovetiaj kongresanoj navigis kongresen ŝipe el Klaipeda. Sed, veninte al Bergen, la ŝipo ne povis albordiĝi pro iuj pretendoj de limgardistoj. Dum la ŝipestro provis solvi la problemon, la ŝipo drivis ekster la haveno, la kongrestagoj degelis. Pri la situacio eksciis lokaj ĵurnalistoj kaj estigis grandan bruon en siaj amaskomunikiloj (farante per

[1] Laŭ mi, "biskvito" estas pli adekvata traduko de la rusa "печенье" ol la primitive-laŭradika kaj nepreciza "bakaĵo", kiun mi aŭdas tre ofte el la buŝoj de niaj samlandanoj. Ja bakaĵo estas simple "io ajn bakita", ekzemple pano kaj torto estas bakaĵoj. Aliflanke, eble eĉ pli adekvata estus "kekso", sed mi ne pretas uzadi tiun vorton pro forta asocio kun la rusa "кекс", kiu tamen signifas ion alian.

tio kroman reklamon por Esperanto). Dank' al tio la problemo solviĝis meze de la kongrestempo per boata transportado de la esperantistoj kaj aliaj pasaĝeroj en la urbon, ili iĝis ties honoraj gastoj kaj ricevis gastkartojn rajtigantajn viziti senpage urbajn muzeojn.

Do, dimanĉe matene la misaventuraj kongresanoj estis retransportotaj ŝipen. Inter tiuj estis la geedzoj Aleksandr kaj Elena Ŝevĉenko, kaj mi petis ilin pruntedoni al ni la ne plu bezonatajn gastkartojn. Ili ne kontraŭis, nur Elena petis ne perdi la kartojn, kiuj por ili estos memoraĵo. Dank' al tiuj kartoj, pri kies sendifekteco mi firme promesis zorgi, ni sukcesis senpage viziti la Hansan muzeon kaj eksterurbe la domon-muzeon de E.Grieg. Kompreneble ĉe la unua konvena okazo mi la gastkartojn redonis kun dankego al Elena kaj Aleksandro.

Fine de la ekskursa dimanĉo ni ekveturis al niaj gastigantoj. Anticipe mi telefonis al Olav kaj informis, per kiu trajno ni venos. La trajnon ni trovis facile, senprobleme eliris en la ĝusta stacio, kaj tie jam atendis Olav kaj Margrete. Post nelonga vespermanĝo ni eksentis laciĝon kaj iris dormi en la destinitan por ni ĉambron. La sekvan tagon mi telefonis al Ingrid Maier kaj informis, ke mi kun la edzino kaj eventuale kun Leo Medvedev baldaŭ venos Stokholmon. Mi demandis, ĉu ŝi povus veni por unu tago el sia urbo Uppsala al Stokholmo kaj pasigi ioman tempon kun ni. Ŝi promesis pripensi kaj petis post ioma tempo retelefoni. Kiam mi retelefonis, Ingrid diris ke povos veni, kaj ni interkonsentis pri la tago, horo kaj loko de la renkontiĝo. Poste telefonis Leo, kaj mi infomis pri tio ankaŭ lin.

Kun la gastigantoj ni promenis en ĉirkaŭaĵoj de ilia domo, kiujn fakte konsistigis impona norda arbara pejzaĝo. Ni certe rigardis la domon mem, en kies ejoj estis multo interesa kaj nekutima. En la kuirejo ne nur Natalia, sed ankaŭ mi impresiĝis pro granda telerlava maŝino kaj mikroonda forno, tiam en Sovetio preskaŭ nekonataj. Sekvis bongusta (precipe admiris Natalia) tagmanĝo el kuirita ruĝa fiŝaĵo kun legomoj. Poste Olav montris ankaŭ sian kabineton kaj grandegan E-bibliotekon, en kiu tre impresis min akurate binditaj jarkolektoj de "Esperanto" por pluraj jardekoj. Malfruvespere, kiam ĉiuj ekdormis, mi iris en tiun bibliotekon kaj kun granda intereso legis raportaĵon pri movadproblemaj diskutoj dum la unua postmilita UK (Bern, 1947) – fascina legaĵo! Verŝajne en la tuta Sovetio tiamaj E-revuoj ne troveblis…

Bedaŭrinde mi ne povis longe ĝui tiun noktan legadon, ĉar frumatene ni jam estis veturontaj al Oslo. Margrete adiaŭis nin, sed Olav kunveturis. En Oslo li loĝigis nin en hotelo por du tagoj. Poste li klarigis al ni, kiel trafi la svedan kaj la finnan ambasadojn por ricevi la transitajn vizojn, donis al ni bonan mapon de Oslo plus iom da mono por la plua vojo – kaj adiaŭis,

rapidante por siaj profesoraj aferoj. En la sveda ambasado ni hazarde renkontiĝis kun Leo; ioman tempon ni promenis kune kun li, sed poste niaj planoj disis. Kredeble de Leo ni eksciis ke en iu hotelo (ŝajne alia ol la nia) loĝas post la kongreso pluraj esperantistoj, kaj tie ni trovis esperantistan kunveneton en ies ĉambro. Ĉeestis pli ol dek diverslandanoj, ni al ĉiuj disdonis "Ĉernobil". Sekvatage ni pluesploris la urbon, vizitis la bildgalerion kaj memorŝajne grandan komercan centron. Vespere en nian hotelon venis Leo, kaj ni kune iris al la piedproksima stacidomo por veturi al Stokholmo.

En Stokholma stacidomo nian triopon renkontis Ingrid. Ŝi konjektis, ke ni supozeble ne estas sataj, kaj antaŭ ĉio trovis surstratan kafejeton. Ni tie sidiĝis, kaj ŝi eltiris el sia sako grandan panon, bakitan hejme per elektra panbakilo. Estis ege bonguste! Mi enmanigis al Ingrid la libron pri Ĉernobil. Poste ni veturis al la pramhaveno por validigi la biletojn por proksima itinero, la pramŝipo estis startonta vespere. Do ni havis ankoraŭ konsiderindan tempon por konatiĝi kun la urbo. Ni rigardis la Reĝan palacon kun gardistaro kaj aliajn vidindaĵojn. Laŭvoje mi telefonis al Vladimir Soroka kaj informis pri nia veno kaj baldaŭa foriro; li tre ĝojis kaj promesis veni al la haveno, malgraŭ la malsaneto (doloris la gorĝo, kaj li raŭkis). Posttagmeze Ingrid informis ke pro aferoj, atendantaj ŝin hejme, ŝi baldaŭ forlasos nin; tamen antaŭ la adiaŭo ŝi interesiĝis, ĉu nin renkontos iu en Helsinko. Eksciinte ke ne, Ingrid rememoris pri Jouko Lindstedt, ŝia kolego laŭ diversaj slavistaj simpozioj (mi lin konis, sed nur surface). Ingrid promesis telefoni al Jouko kaj certigis, ke li ĉion aranĝos. Do ŝi adiaŭis nin, kaj ni reveturis al la pramhaveno.

Vespere en la haveno aperis Vladimir Soroka – pro la menciita kaŭzo sen gitaro, tamen kun Oksana Kurpekova kaj kun granda paperpaketo da pomoj por ni. Vladimir kaj Oksana rakontis pri la atendanta nin pramŝipo, kiun ili jam pli frue uzis: tio fakte estis grandega flosanta domo kun multaj etaĝoj-ferdekoj, ludejoj, dancejoj, restoracioj, sportejoj ktp.

Tamen ili ne konjektis averti nin pri certa specifeco de bilet-distribuo en la pramŝipo, pro kio al ni okazis amuza miskompreno. Dum la biletvalidigo ni ricevis por la triopo kajutkartojn; mi rimarkis, ke sur du kartoj estas indikita la sama kajuto, alia ol sur la tria, – kaj ĉe la enkajutiĝo mi decidis ke la du kartoj estas por la geedzoj kaj la tria por la solveturanto. Do mi kun Natalia enkajutiĝis, sed baldaŭ aperis la tria pasaĝero – nekonata junulo el Usono. Li miretis pro najbareco de virino, sed mi klarigis ke ni estas geedzoj, kaj li portempe trankviliĝis. Tamen pleja konfuzo okazis al Leo: en la indikita kajuto li trovis du virinojn; kaj kvankam li eble ne kontraŭus resti, la neatenditaj najbarinoj lin forpelis. Leo revenis al ni, kaj tiam iĝis klare: en trilitaj kajutoj oni ne antaŭvidas kunestadon de geedzoj, viroj

lokiĝas aparte kaj virinoj aparte. Do Natalia iris al la virinoj, kaj Leo restis kun mi kaj la usonano.

Matene nin vekis signalo por matenmanĝo, kaj ĉiuj iris en grandan manĝsalonon, kie estis "sveda tablo", inkluzivita en la biletkoston. Ni manĝis abunde diversajn salatojn, kolbasojn, fromaĝojn k.a. kun konstanta deziro gustumi ankoraŭ tion aŭ alion. Fine mi eksentis ke sufiĉas, sed rimarkis en fora angulo grandan ujon kun apetite vaporanta avena kaĉo, ĝenerale ŝatata de mi, – tamen la stomako estis jam tiom plena, ke mi kun bedaŭro rezignis eĉ gustumi. "Kompense" mi forportis oranĝon en maniko.

En la Helsinka haveno nin renkontis vicprezidantino de TEJO Sabira Ståhlberg kun fratino. Evidentiĝis ke ŝin mobilizis Jouko Lindstedt, taskita de Ingrid, kaj ili distribuis la taskojn: la fratinoj nin noktigos kaj nutros hejme, kaj Jouko ekskursigos. Do ni veturis al Sabira kaj lasis tie la aĵojn, kaj poste tie aperis ankaŭ Jouko. Al ili ambaŭ mi donacis ekzemplerojn de "Ĉernobil", jam la lastajn. Jouko promenigis nin en la urbo, montrante i.a. imponan monumenton de Aleksandro la 2-a, kaj ekskursigis al sia laborejo – Helsinka Universitato. Tie mi unuafoje vidis, kiel funkcias elektronika biblioteka katalogo. Poste ni veturis eksterurben, al malnova fortikaĵo; rigardinte ĝin, ni ripozis ĉe apuda lago.

Sekvatage, post la noktado ĉe la fratinoj, ni trafis klubkunvenon de helsinkaj esperantistoj, kiu pasis en kafejo. Ĉiuj konversaciis manĝantetrinkante, sed mi kaj Natalia nenion mendis, ĉar nia monrezervo jam proksimis al elĉerpiĝo. Iu bonkora finno rimarkis tion kaj regalis nin per modesta manĝeto. El la postaj tiutagaj eventoj mi memoras nur tion, ke ni trafis loĝejon de iu E-isto, kie gastis Andreo Grigorjev el Krasnojarsk; en nia ĉeesto Andreo "el nenio", uzante preskaŭ nure pakaĵeton da seka supo, faris sufiĉe satigan tagmanĝon por kelkaj personoj. Vespere ni venis la stacidomon, entrajniĝis kaj forveturis al Moskvo.

Rekonsciiĝinte post la vojaĝo, mi atentis, ke el la menditaj siatempe ambaŭflankaj fervojaj biletoj ni fakte utiligis nur la parton "reen", sed la parto "tien" restis neuzita, ĉar ni ja al Norvegio ne trajnis, sed flugis. Mi iris al internacia fervojkasejo intencante rericevi la monon por la neuzitaj biletoj. Oni al mi rifuzis, sed la argumentado estis ne tro konvinka. Tiam mi skribis elokventan plendon al la fervoja ministro Matjuĥin, klarigante la situacion, atentigante ke temas pri konsiderinda sumo kaj emfazante ke ĉiuj dokumentoj konserviĝis kaj mi pretas ilin montri – inkluzive la flugbiletojn, kiujn ni estis devigitaj aĉeti anstataŭ la fervojaj por ne malfrui. Post ioma tempo al mi telefonis oficisto el la ministerio kaj invitis min veni al certa kaso, montri la flugbiletojn kaj rericevi la monon por la fervojaj.

Fine de la jaro ĉiam pli evidente videblis signoj de la disfalo de USSR.

Estis neeviteble, ke en la 10-a Kongreso de SEU, okazonta en Kolomna, necesos ion decidi pri la plua sorto de la organizaĵo. Ĉar plejmulto da kluboj kaj individuoj, apartenantaj al SEU, estis rusiaj, aperis propono subtenita de la estraranoj, ke endas agi tiel, kiel tre multaj sovetiaj sociaj organizaĵoj: ili transformiĝis al rusiaj. Do mi ellaboris konkretajn statutajn revortumojn – minimumajn sed necesajn por ke la reorganizata E-Unio povu oficialiĝi. Ili estis aprobitaj de la Estraro kaj poste de la Kongreso, ioma diskuteto estis nur pri la nomo de la organizaĵo. Pridiskutinte diversajn proponojn, la kongreso per plimulto da voĉoj akceptis la nomon "Российский союз эсперантистов (РоСЭ) [Rusia Esperantista Unio (REU)]" [1]. Ĉar la statute preskribita dujara periodo de la Estraro pasis nur duone, la Kongreso decidis ne fari reelektadon. Tiamaniere mi iĝis la lasta prezidanto de SEU kaj la unua – de REU. Kaj la kongreso mem, malfermita kiel la 10-a Kongreso de SEU, poste fermiĝis kiel la 10-a Kongreso de REU.

En **1992** du moskvaj eldonejoj aperigis diversŝtupajn E-lernolibrojn de Boris Kolker, por kiuj mi kontribuis kiel redaktoro. La baza lernolibro unue aperis kiel rotaprinta broŝuro en 1974, kaj pri ĝi mi sendis al la aŭtoro plurajn rimarkojn. Boris, homo ĉiam malfermita al konstruiva kritiko, dankegis min pro ili, kvankam certe ne kun ĉio konsentis, kaj poste, ricevante ĉiun novan eldonon de la broŝuro, mi sendis al li pliajn rimarkojn. Kompreneble, li ricevadis rimarkojn ankaŭ de aliaj legantoj, sed min li nomis la plej subtila kritikanto de la lernolibro. Dum la ĉ. 1,5 jardekoj de tia kunlaboro la lernolibro atingis tiom altan nivelon, ke interlingvistoj, gvidataj de Magomet Isajev en la akademia Instituto pri Lingvoscienco, taksis ĝin pozitive kaj rekomendis por eldoni kiel normalan presitan libron. Dank' al Nikolaj Zubkov aperis ebleco eldoni ĝin en la orienta redakcio de "Nauka". Boris esprimis deziron, ke mi oficiale iĝu la redaktoro de la lernolibro, sed mi estis por la re-



*Kolomna, 1991. Mi malfermas la lastan, 10-an Kongreson de SEU.*

[1] Utilas atentigi, ke la Statuto de REU estis kompilita, voĉdonita kaj poste oficialigita kiel ruslingva teksto. Tial la oficiala rusa nomo de la organizaĵo, inkluzive la siglon РоСЭ, estas la origina (kaj do sole uzenda), sed la Esperanta nomo aperis kiel ĝia traduko (akceptita de la REU-Estraro). La fojfoje renkontebla en rusaj tekstoj siglo РЭУ estas fundamente erara kaj atestas nekompetentecon de ties uzantoj, ĉar anstataŭ la aŭtenta rusa siglo ili subŝovas transliteritan siglon de la traduko.

dakcio homo tute flanka, oni preferus iun el etataj eldonejaj redaktoroj, sed inter tiuj mankis scianto de Esperanto. Rezulte estis nomumitaj du redaktoroj: mi kaj Marina Karpova, laŭofice eldoneja redaktorino. Ni kune laboris pri la teksto kun reciproka utilo: mi klarigis al Marina Ivanovna iujn neklarajn por ŝi nuancojn de Esperanto, kaj ŝi al mi – bazajn sciojn pri redaktora metio: valora sperto, kiun mi utiligas ankaŭ en mia nuna laboro. En 1990 la libro pretiĝis por kompostado, en 1991 – sankciita por presi kaj sekvajare aperis sub la nomo "Учебник языка эсперанто. Основной курс [Lernolibro de la lingvo Esperanto. Baza kurso]" kun la eldonkvanto 10 500 ekz.

Malpli komplikan sorton havis la daŭriga kurso. En 1987 en BET-24 (Saulaine, Latvio) Boris Kolker dumpromene rakontis al mi pri sia plano krei daŭrigan lernolibron forme de klubkunvenoj en iu virtuala E-klubo. Mi la ideon subtenis, ni priparolis diversajn detalojn, kaj memkompreneble mi konsentis esti la redaktoro. Poste ni dum kelkaj jaroj koresponde pridiskutadis la lernolibrajn tekstojn kaj Boris multe utiligis miajn rimarkojn, precipe por la komentoj. Kaj kiam la libro pretis, ĝin prenis por eldoni la eldonejo "Progreso", kie tiam laboris Aleksandro Ŝevĉenko. Do la libro "Vojaĝo en Esperanto-lando. Perfektiga kurso de Esperanto" aperis en 4-mila eldonkvanto. Kaj poste, jam relaborita, sed daŭre kun mia redaktoreco, ĝi aperis ĉe UEA en 2002 kaj 2005.

La 11-a Kongreso de SEU okazis jarfine en Peterburgo. Kiel la SEU-prezidanto mi nepre devis ĉeesti, sed… Tiam pro la inflacio mi spertis rimarkeblan malboniĝon de la financa stato, ĉar la salajron oni al mi ne plialtigis. Hazardaj kromokupoj (vendado de libroj en elektrotrajnoj, plenumado de kontrollaboroj anstataŭ studentoj k.a.) estis neregulaj kaj nur iom mildigis la situacion, ne pli. Do la demando, kie preni la monon por veturi al Peterburgo, estis por mi tre aktuala, des pli ke en la REU-kaso ne estis mono por oficvojaĝigi min. Tamen bonŝance mi konatiĝis kun nova esperantisto Vladimir Boĉkarjov – jakuto, kiu tiam laboris en moskva reprezentejo de Jakutio. Li estis bonstata homo kaj, eksciinte pri la problemo, proponis sponsoran helpon kaj pripagis al mi la vojaĝon. Mi akceptis tion kun dankego.

Por la Kongreso estis kompilita la unua Jarlibro de REU, al kiu mi kontribuis per antaŭparolo kun faksimila subskribo. Dum la reelektado mi rekandidatiĝis por la prezida posteno, sed ĉar entute estis tri kandidatoj, mi sukcesis kolekti nur relativan plimulton da voĉoj. Oni povus prave diri, ke por mi estis malpli da voĉoj ol kontraŭ mi, sed la samo eĉ pli validus ankaŭ pri ĉiu el la rivaloj. Kion do fari? La Ĝenerala Regularo, kie temus pri similaj situacioj, ankoraŭ ne ekzistis; la tempo destinita de la kongresmastroj




*Soĉi, 1993. Dum la 15-a REK. Centre de la grupo estas la ĉeforganizanto Vladimir Bespalov kaj mi.*

por la kunsido estis baldaŭ elĉerpiĝonta. La sola prudenta eliro estis agnoski mian relativan venkon kaj voĉdoni por tio jam per normala plimulto, oni tiel faris kaj do legitimis mian pluan prezidantecon.

En populara sovetia filmo sonis sentenco, ke ĉiu homo almenaŭ foje devas ripozi en Soĉi. Por mi tiu fojo realiĝis en **1993**, kiam tiu kulta urbo akceptis la 15-an Rusian E-Kongreson kaj enkadre de ĝi la 12-an Kongreson de REU[1]. Mia financa situacio tiam daŭre malbonis; pri sponsora helpo mi ne esperis, almenaŭ ĉar Vladimir Boĉkarjov malaperis, kredeble revenis en Jakution. Do mi parolis kun Sergej N. Kuznecov, kiu fojfoje donadis al mi interlingvistikajn tekstojn por traduki, kaj petis lin trovi tian tekston, ke la honorario por ties E-traduko kovru la elspezojn por la vojo al Soĉi kaj reen. Li konsentis, kaj mi "memsponsore" eklaboris por la fikscela honorario. Mi sukcesis fari la tradukon ĝustatempe kaj ricevis la monon por pagi la vojaĝon.

En la trajno mi kun miro konstatis, ke mia kuŝbreto situas precize super tiu de Vladimir Samodaj, kvankam li aranĝis sian bileton alitage kaj en alia kaso. Poste super ni sur la bagaĝa breto kaŝiĝis Mikaelo Ĉertilov, kiu veturis "lepore", – do ni klopodis protekti lin forlogante la atenton de kontrolistoj. Kaj Mikaelo regaletis min en la restoracia vagono, tiel ni sub-

[1] Pri tiu miskomprenige stranga duobla kongresnumerado ni interkonsentis en Peterburgo: la unua numero signas la amasan aranĝon, la dua – la superan organon de REU. Post du jaroj, kiam la REU-Kongresoj estis alinomitaj al Konferencoj (enkadre de Rusiaj Esperantistaj Kongresoj), la bazo por miskomprenoj malaperis.

tenadis unu la alian. La veturo estis gaja: en najbara vagono estis junaj kongresaninoj el Smolensk, ili invitis nin kunfesti la naskiĝtagon de unu el ili.

Dum la kongresa malfermo mi faris kurtan parolon; dumpaŭze min kaptis televidistoj kaj intervjuetis por la loka kanalo. Vidi la elsendon mi ne sukcesis, ĝin oni montris nur lastatage, kiam mi jam estis en la revena trajno.

La honoraria mono sufiĉis al mi nur por pagi la vojon, sed ne la nutradon dumkongrese. Mi kunprenis saketon da avenaj flokoj, tio devis sufiĉi por trifoje tage miksi ilin kun bolakvo kaj manĝi kaĉon. Sed kiam mi enrigardis la manĝejon (nur por trovi iun), tion rimarkis la ĉefa soĉia esperantisto Vladimir Bespalov kaj demandis, kial mi ne manĝas kun ĉiuj. Mi klarigis la situacion, kaj li diris kategorie: "Tiel ne taŭgas. Vi – manĝos!". Nun mi refoje dankas al Vladimir pro la tiama solidareco.


*Nijnij Novgorod, 1994. Kuluare de la 16-a REK: kun Barbara Cvetkova kaj Aleksandro Ŝevĉenko.*

Dum la reelektado mi denove balotiĝis por la prezidanteco sed konvinke malgajnis kontraŭ Andreo Ananjin kun la voĉkalkulo 4:14. Tamen mi plurestis en la Estraro kaj denove ekokupiĝis pri la individua membraro.

En **1995** mia ekonomia stato plu malboniĝis jam tiom, ke la salajro iĝis memorŝajne nur nemulte pli granda ol la monata abonemento por la metroo. Necesis serĉi alternativon. Tiam mi eksciis, ke aktivan agadon disvolvas Asocio subtena de Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino (AsAIS); tiun organizaĵon antaŭnelonge fondis kaj oficialigis Sergej N. Kuznecov. Kaj mi petis, ke Sergej akceptu min por iu laboro en la Asocio. Tia laboro troviĝis, do mi forlasis la metrologian instituton kaj transiris al AsAIS. Tiam mi povis kun fiereto diri ke mi laboras kiel profesia esperantisto: mi okupiĝis pri tradukado kaj redaktado de internaj asociaj dokumentoj kaj interlingvistikaj tekstoj. Lokon por labori ĉe komputilo mi ricevis en MASI (Moskva Aŭtomobilkonstrua Instituto), kie nelonge antaŭ tio Irina Gonĉarova fondis la faman samnoman klubon. La agado de la klubo ĝuis subtenon de la institutaj estroj (ili eĉ mem estis studintaj la lingvon en speciala E-kurso), kaj dank' al tio ankaŭ Kuznecov povis loki tie siajn kunlaborantojn inkluzive min. Dum mia ĉeesto la instituto ricevis la novan nomon MGIU (Moskva Ŝtata Industria Universitato), sed la klubo konservis la an-

taŭan nomon MASI.

Tamen en **1997** la rilatoj inter la MGIU-estraro kaj Kuznecov neatendite malboniĝis, kaj laborantoj de la Asocio ne plu povis nestiĝi tie. En la ĉambron, kie mi laboris, venis la rektoro Jurij Avraamov kaj ordonis ke mi kaj aliaj AsAIS-anoj foriru sendemande kaj senprokraste; mi apenaŭ sukcesis trovi kaj kunpreni mian laborlibreton. Kuznecov komisiis al mi labori hejme kaj donis por tio tekkomputilon. Sed tio daŭris nelonge: baldaŭ li estis elektita kiel katedrestro en la filologia fakultato de MŜU (la katedro pri ĝenerala kaj kompar-historia lingvoscienco) kaj ricevis eblon loki min en la katedrejo. Al demandoj de ĉirkaŭantoj mi respondadis ke mi estas ekstere-tata helpanto de la katedrestro. Tio estis pura vero: mia helpado neniom kostis al la fakultato, ĉar estis pagata el AsAIS-kaso; aliflanke, mi efektive helpadis, ĉar kvankam en la katedro sidis etata helpantino, tamen tiu bonkora virineto, oficigita laŭ ies proksima konateco, estis intelekte neadekvata kaj do fojfoje mi faris iujn katedrajn taskojn anstataŭ ŝi. Mi denove eklaboris ĉe surtabla komputilo, ĝuste tiam mi asimilis Interreton kaj ekhavis la unuan retadreson (kies komenco "general" neeviteble provokis ŝercojn). En mia ĉeesto okazadis kunsidoj de la katedro, specialaj lekcioj, studentaj konsultadoj ks – ĉio ĉi plivastigis mian bazan erudicion pri lingvistikaj demandoj. Tia idilia vivo daŭris ses jarojn, post kio Kuznecov malgajnis re-elektan konkurson. Al lia posteulo mi (samkiel pluraj etataj katedranoj) estis absolute nebezonata, Sergej jam ne povis min helpi. Tamen post ne tre longa paŭzo mi trovis laboron laŭ mia matematika klero kaj ĝis nun laboras kiel gvida scienca redaktoro en la eldonejo "FIZMATLIT".

En **1999** estis eldonita la rusa traduko de la libro de Ulrich Lins "La danĝera lingvo". Estis tri tradukintoj: mi, Leo Vulfoviĉ kaj Ludmila Novikova. Ĉiu ricevis propran pecon, la laboro daŭris kelkajn jarojn. Kiam la libro estis jam kunigita el la tri partoj, kompostita kaj enpaĝigita, mi ricevis por kontrollego la tutan tekston, do ankaŭ la partojn de Leo kaj Ludmila. Mi korektis kelkloke iliajn fuŝetojn; krome la citaĵojn de Lins el rusaj fontoj mi rekontrolis laŭ tiuj fontoj, vizitante por tio Rusian Ŝtatan Bibliotekon (familiare "Leninka"). Bedaŭrinde unu ellibra citaĵo restis nekontrolita, ĉar la necesa parto de la libra fonduso evidentiĝis porlonge fermita pro riparo, do tiu




*Noginsk, 2014. Mi rakontas pri Esperanto, montrante la rusan tradukon de "La danĝera lingvo", por elsendo de Noginska televido.*

citaĵo restis kiel retraduko el la E-traduko. Kiel ajn, en tiu laboretapo mi fakte rolis ankaŭ kiel kroma redaktoro, kvankam en la libro tiu fakto ne menciiĝas.

En la sama jaro mi duope kun Mikaelo Ĉertilov ekredaktis “Bultenon de REU” (BdR). Tiun informilon lanĉis en 1995 kaj redaktis la numerojn de 1 ĝis 5 (6) en 1996 Halina Gorecka. Pli daŭre, la numerojn 1 (7) – 3 (21) en 1997-99, redaktis la karmemora Elena Ŝevĉenko. Poste mi kaj Mikaelo en 1999-2000 redaktis la numerojn 4 (22) – 3 (27), kaj post la apero de REGo la eldono de BdR estis portempe ĉesigita.

En **2000** en Ĉeboksari okazis la 19-a Rusia Esperantista Kongreso (REK) kaj enkadre de ĝi la 17-a Konferenco de REU. Dum la Konferenco mi unuafoje ne estis elektita kiel estrarano de REU, do tiel finiĝis mia 30-jara senpaŭza apartenado al diversaj landskalaj E-estraroj (SEJM – ASE – SEU – REU).




*Ĉeboksari, 2000. Dum debatoj en la 19-a REK.*

Ĉi tie estas ĝusta loko por fini mian longan kronologian parton. Unue, la jaro 2000 estas kvazaŭ simbola interepoka mejloŝtono, do la eventoj de la nuna jarmilo ankoraŭ perceptiĝas kiel nuntempaj, relative freŝaj, dum tiuj de la antaŭa jarmilo jam sendube apartenas al la rememorinda pasinteco. Due, tiujare ekeldoniĝis REGo, kaj mi baldaŭ intense ekkunlaboris pri ĝi – do pri tio, kion mi intertempe spertis aŭ opiniis grava, mi artikolis en REGo – (re)legu!

Do jen la koordinatoj de miaj publikaĵoj en REGo (krom kelkaj malgravaj aŭ eksaktualaj): **2001** – 3 (5): k1-1; 5 (7): 11-15, 42-45; **2002** – 1 (8): 6-8, 9-10, 38-40; 3 (10): 22-23; 6 (13): 27-29; **2003** – 3 (16): 36-37; **2004** – 1 (20): 1-2; 5 (24): 5-9, 27-30 + 44; 6 (25): 1-6, 26-27; **2005** – 1 (26): 17-19; **2006** – 4 (35): 4-7, 50-54; **2007** – 4 (41): 12; **2009** – 1 (50): 25-27; **2010** – 4 (59): 35; **2011** – 1 (62): 26-28; **2012** – 2 (69): 17-22; 3-4 (70-71): 31-32.

Tiu bibliografieto estu ponto al la krea parto.



## La dua parto (krea)

**Kantotradukoj**

***Esperantigo de rusaj kantoj.*** Post SEJT-9, kie mi aŭdis dum koncertoj kaj ĉefajre diversajn tradukitajn kantojn, mi decidis ankaŭ traduki iun kanton. Por la unua provo mi elektis popularan tiam kanton "Человек из дома вышел" (teksto de A.Olgin, muziko de S.Poĵlakov). La komenco estis sen-probleme glata: "Поднялся рассвет над крышей, / Человек из дома вышел" – "Brilas suno super domo, / El la dom' eliris homo"; sed la plua teksto jam postulis ioman cerbumadon. Tamen mi finfaris la tradukon kaj sendis por pritakso al sperta tradukisto Boris Kolker. Baldaŭ venis la respondo: kuraĝigante min por pluaj provoj, Boris atentigis pri eraroj (en iuj lokoj mi apostrofis akuzativajn formojn). La fuŝaĵojn mi korektis, sed la rezulto tutegale ne estis plene kontentiga por mi (ĉefe pro dubindaj rimoj), kaj mi ĝin ne disvastigis. La dua mia traduko – la barda kanto "Тайга" (teksto de I.Ĵdanov, muziko de A.Dulov) – havis jam bonan sorton. Ĝi trafis kantarojn kaj eĉ jardekon post la apero ankoraŭ ne forgesiĝis: en OrSEJT-19 (1977), probable dum la interkona vespero, oni spektigis tutan ciklon de kantaj prezentoj pri rimarkindaj tendaranoj, kaj unu el tiuj prezentoj (pri Jurij Vladimircev) estis verkita surbaze de "Tajgo".

Entute mi tradukis pli ol 20 kantojn. La lasta el tiuj estas "Снег" (teksto kaj muziko de A.Gorodnickij), traduki ĝin petis min Natalia okaze de sia vojaĝo en Francion en 2000 – por kanti antaŭ francaj E-geamikoj. La traduko premieris paralele: en la sama tago, kiam Natalia kantis ĝin al francaj esperantistoj, mi kun helpo de Mikaelo Povorin prezentis ĝin en Moskva E-klubo "Lev Tolstoj". La teksto aperis en REGo (2000, № 2 (2), p. 39-40). Nur poste mi eksciis, ke tiun kanton jam pli frue tradukis Mikaelo Bronŝtejn; konatiĝinte kun lia traduko, mi konstatis plurajn (eĉ plenliniajn) koincidojn.

Specimene mi deziras montri unu el miaj malnovaj tradukoj, sed en nova "vesto". Fakte mi plurajn tradukojn plibonigis poste, tamen ĉi-kaze la modifo tuŝis eĉ la titolon. Temas pri la popularega siatempe "Свадьба" (teksto de R.Roĵdestvenskij, muziko de A.Babaĝanjan), kiun mi en 1972 enigis en la kantaron "Kun kanto tra Esperantujo" sub la titolo "La edziĝ-festo". La neologismon "nupto" mi ĝenerale jam sciis, sed ankoraŭ ne perceptis kiel konvenan por entekstigi. Sed intertempe, partoprenante diversajn E-nuptojn kiel gasto, atestanto kaj pinte kiel la fianĉo, mi kutimiĝis al tiu vorto kaj poste adoptis ĝin ankaŭ por la kantoteksto. Do jen la nova versio:

NUPTO

Laŭ vilaĝa vojo iris mi kviete,

Estis longa kaj dezerta la voj'.
Sed ektondris harmonikoj plenimpete,
Kaj silento cedis lokon al ĝoj'.

*Refreno* Ĉi tie nupto, nupto, nupto, nupto dancis, kantis,
Kaj flugis ĝi al malproksima stel'.
Al tiu vasta nupto ĉie loko mankis,
Kaj tero al ĝi mankis, kaj ĉiel'.

Gaje sonis la muziko el vilaĝo,
Kaj venteto kun petol' sekvis ĝin.
Estis ege serioza la fianĉo,
Rave juna estis la fianĉin'.

*Refreno*.

Preterkuris ĉevaltrioj tre proksime
Kun aromo de printempa gajec'.
Kaj mi vagis absolute senedzine,
Kaj bedaŭris, ke ne mi iĝas edz'.

*Refreno*.

***Tradukeroj.*** Estas pluraj kantoj, kiujn mi ne tradukis plene (kaj plej ofte eĉ ne celis tion), sed iam okazis, ke, aŭdinte iun el ili, mi generis en la kapo tradukon de kompleta strofo. Tiujn tradukĝermojn mi ne surpaperigis, sed io restis en la memoro.

Ĉi-suban tradukprovon mi lasis en la komenca stadio, eksciinte ke jam ekzistas plena traduko (memorŝajne de Romano Grinŝpan el Taŝkent). Do restis nur la refreno:

M.Taniĉ – J.Saulskij, "Черный кот"

| | |
|---|---|
| Говорят, не повезет,<br>Если черный кот дорогу<br>перейдет.<br>А пока наоборот:<br>Только черному коту и не везет. | Oni plendas: misa fat',<br>Se la vojon antaŭkuras nigra kat'.<br>Tamen dume mala stat':<br>Misan faton havas mem<br>la nigra kat'. |

Jen ankoraŭ unu provo, por kiu mi sukcesis traduki nur kelkajn liniojn kaj haltis ne zorgante pri daŭrigo (tamen la pli persista Ludmila Novikova sendepende de mi faris plenan tradukon):

J.Jevtuŝenko – E.Kolmanovskij, "Вальс о вальсе"

| | |
|---|---|
| – Вальс устарел, –<br>Говорит кое-кто, смеясь. | "Vals' oldas jam" –<br>Iuj diras kun ironi'. |

Век усмотрел
В нем отсталость и старость.
Робок, несмел,
Наплывает мой первый вальс...

Trovas la fam'
Ĝin ne tute moderna.
Sed por ĉiam'
Junan valson memoras mi…

Pliaj heterogenaj fragmentoj:

V.Lebedev-Kumaĉ – A.Aleksandrov, "Священная война"

Вставай, страна огромная,
Вставай на смерный бой
С фашистской силой темною,
С проклятою ордой!

Ekstaru la grandega land'
Batali ĝis la mort'
Kun la faŝisma grega band',
Kun malbenita hord'!

M.Noĵkin – D.Tuĥmanov, "Я люблю тебя, Россия"

Ты размахом необъятна,
Нет ни в чем тебе конца.
Ты веками непонятна
Чужеземным мудрецам.

Vin ne eblas ĉirkaŭpreni,
Ne ekzistas por vi rand'.
Ne kapablas vin kompreni
Saĝular' de eksterland'.

G.Serebrjakov – E.Ĥanok,"Разговоры"

Разговоры, разговоры,
Слово к слову тянется.
Разговоры стихнут скоро,
А любовь останется.

Babiladoj, babiladoj,
Vorton kroĉas nova vort'.
Babiladoj ĉesos baldaŭ,
Sed plu restos am' ĝis mort'.

M.Taniĉ – A.Ostrovskij,"Лесорубы"

Э-ге-гей! Привыкли руки к топорам,
Только сердце непослушно докторам,
Если иволга поет по вечерам.

Hej, hej, hej! Kutimas manoj al topor',
Sed la koro ne obeas al doktor',
Se kantadas oriolo en la for'.

M.Narinskij – J.Dubravin, "Города на память"

Спасибо, дружище, спасибо тебе
За то, что идешь ты по трудной тропе.
Не каждому дано так щедро жить –
Друзьям на память города дарить.

Ni dankas, amiko, ni tre dankas vin
Pro via prefer' de severa destin'.
Ne ĉiu povas tiel, sen avar'
Donaci urbojn al la amikar'.

G.Serebrjakov – ?, "Любит – не любит"

Сменяются годы. А этот вопрос,
Наверное, вечным будет.
Опять перед кем-то ромашки вразброс:
Любит – не любит – любит...

Ŝanĝiĝas la jaroj, sed tiu mister'
Eterne kaj ree samas –
Denove petala diven' ĉe river':
Amas – ne amas – amas…

Laste, jen iom neatendita ĉi-kuntekste strofo. Vere, ne temas pri kanto en kutima senco de la vorto, sed laŭ la titolo ĝia apartenigo al la kanta rubriko estas pravigebla:

A.Puŝkin, “Песнь о вещем Олеге”

Как ныне сбирается вещий Олег
Отмстить неразумным хозарам,
Их села и нивы за буйный набег
Обрек он мечам и пожарам…

Jen nune intencas la glora Oleg'
Venĝ-puni la stultajn ĥazarojn,
Al fajro kaj glav' pro kruela rabeg'
Li damnis iliajn kamparojn…

(atentu la neintence aperintan translingvan rimon: *набег – rabeg'*).

***Rusa traduko de E-kanto.*** Komence de la 70-aj jaroj mi decidis eksperimente traduki la popularegan E-kanton de Dina Lukjanec “Ne, ne, ne…”. Ne konjektinte peti anticipe aŭtoran permeson por tio, mi tuj sendis al Dina la pretan tradukon. Malgraŭ mia supozo, ke la traduko eventuale al ŝi ne plaĉos, la reago de Dina estis pli ol pozitiva: ŝi informis, ke intencis mem traduki la kanton, sed ne sukcesis – kaj do sincere dankis, ke tion faris mi. La tradukon mi ne publikigis, simple montris al kelkaj interesiĝantoj, kaj ĝi, kiel kutime en tiu tempo, migris reskribe de kajero al kajero. Krome, Aleksandro Jelizarov el Sizranj (talenta lerninto de Natalia, bedaŭrinde poste tragike pereinta) citis ĝin en pritendara artikolo por la urba ĵurnalo. Do bonvolu rememori aŭ konatiĝi:

Ne, ne, ne, mi veturas tuj
Al la land' Esperantuj',
Ĉar kunvenos post longa jar'
En la arbaro amikar'.

Нет, нет, нет – снова еду я
В те чудесные края,
Что так часто в кругу своем
Эсперантидой мы зовем.

Estos bonega renkontiĝ',
Tondros la kantoj ĝis aŭror',
Tie okazos renaskiĝ'
De miaj fortoj kaj humor'.

Снова увижу всех друзей,
Петь будем песни до утра.
Переворот в душе моей
Произойдет в который раз!

Min ne timigas longa voj',
Estas malplena la monuj',
En ĉiu jar' po unu foj'
Logas min land' Esperantuj'.

Эсперантида нас манит,
Хоть путь и труден и далек.
Но нас нисколько не страшит,
Что опустеет кошелек.

Oni parolas: – Pro agad'
Mi vagabondos por ĉiam' –
Tiel postulas la movad',
Mia esper' kaj mia am'.

Кто виноват, что я привык
Странствовать каждым летом вновь?
Международный наш язык,
Наша надежда и любовь!

**Humure pri kantoj**

***Epigramo.*** Fine de la 60-aj jaroj en niaj tendaroj ofte sonis la fama kanto “Tenereco” (“Нежность”; teksto de S.Grebennikov kaj N.Dobronravov, muziko de A.Paĥmutova). La traduko de Boris Kolker enhavis atentindan mankon – la linion “И придумать не могла Земля” li tradukis tiel: “Kaj inventi ne povis la Ter”. En tiu verso pro la akcenta strukturo, plifortigita de la melodio, dum la kantado oni nevole misakcentis: “… ne pov***i***s …”. Por mi tio ĉiam sonis orelfrape, kaj en SEJT-12 (1970) mi proponis por la tendara murgazeto jenan epigramon:

Cerbum***i***s long***e*** Kolk***e***r Boris,
Sed i***a***l “inventi ne pov***i***s”.
Facil***e*** tam***e***n est***a***s, Kolk***e***r:
“Kaj inventi ne kapablis Ter”.

Post tio en la kantaro “Kantas uralaj esperantistoj” (Ufa, 1973) Boris modifis la tradukon laŭ mia sugesto.

***Parodioj.*** Por OrSEJT-19 Nina Korĵenevskaja (eble ankaŭ aliaj, sed mi pri tio korespondis nur kun ŝi) iniciatis parodian prezenton, dum kiu oni devus montri, kiel diversaj E-poetoj povus verki pri certa temo, la sama por ĉiuj. Kiel la temo de la parodioj estis proponita la rusa infana popolkanto pri griza kapreto. Ricevinte inviton partopreni tekste, mi decidis bazi parodiojn sur E-kantoj. Mi prenis du kantojn: unu restas bone konata ĝis nun (eniris la kolekton “Oraj kantoj”), la alian hodiaŭ memoras nemultaj. Ĉi tie mi prezentu paralele la kantojn kaj miajn parodiojn.

NI VOJAĜAS (V.Ŝilas)

Ni vojaĝas, ni serĉas ĝojon,
Malproksimo logas nin.
Longan-longan ni faris vojon –
Ne videblas ĝia fin’.

Bonaj ŝuoj – kaj perpiede
Atingeblas terpolus’.
Kiam paŝi fariĝas tede,
Taŭgas samdirekta bus’.

Mankas tempo, do, ploru mono:
Radoj frapas pro enu’,

GRIZA KAPRETO (laŭ V.Ŝilas)

Griza kapro, bestet’ petola,
Vivis en avina kort’.
La avino, vidvino sola,
Amis ĝin[1] kun granda fort’.

Ne obeis ŝin la kapreto:
Malproksimo logis ĝin,
Kaj ĝi kuris al arbareto
Sen permeso de l’ avin’.

Jen ĝi kuras, ĝi serĉas ĝojon
En arbara avenu’.

[1] Dum la plenumo de la parodioj oni kantis “li” tie, kie mi uzis “ĝi”. Por unufoja prezento tio ne gravis, sed por la publikigo mi revenas al “ĝi”, opiniante tion pli adekvata al Zamenhofa lingvouzo.

Ni veturas en vagono;
Trajna bru' kaj tiel plu.

Urboj preter fenestroj kuras,
Kantas gaja kompani'.
Vi komprenis, ke ni veturas
Al tendaro tiu ĉi.

Ni vojaĝis, ni trovis ĝojon,
Ĉar ni serĉis kun obstin'.
Kiu estis tendare fojon,
Ĉiam rememoros ĝin.

Sed mallongan ĝi faris vojon:
Lupoj ĝin… kaj tiel plu.

Kornojn-hufojn de kapro sia
Trovis nure la avin'.
Kaj ŝi ploras sur tombo ĝia –
Ĉiam ŝi memoros ĝin.

SINILGA (G.Karpunin,
E-traduko de B.Kolker)

Paruo forbekis la roson blu-mildan,
Kaj super la marĉo aŭroras kviet'.
Ni ree foriras, kaj ree Sinilga
Svingetas al ni per betula branĉet'.

Ni kien foriras, por kia bezono?
Allogas nin kien alia destin'?
Kaj ni renkontiĝos en dorma vagono,
Kaj antaŭ okuloj – la vojo sen fin'.

Kaj ni rememoros pri boskoj betulaj,
Pri nia kunvivo, pri nia vagem'…
Ni iĝos aliaj, ni iĝos fremduloj,
Perfidos amikojn, perfidos nin mem.

Sed ni ne plu povos, ne povos,
amikoj,
Reveni al tiu aŭrora kviet'.
Ja nur unufoje, nur foje Sinilga
Svingetas al ni per betula branĉet'.

GRIZA KAPRETO (laŭ B.Kolker)

Ĉe iu avino kapret' vivis griza,
Ŝi amis ĝin ege kaj vartis kun ĝoj'.
Sed ĝi revis ial pri vivo pariza,
Kaj tre malproksima ĝin logis la voj'.

"Vi kien foriras, por kia bezono?" –
Lamentas ĉagrene ploranta avin'.
Sed ĝi ne atentas al ŝia admono,
Kaj densa arbaro englutas jam ĝin.

Jen kuras ĝi preter la boskaj betuloj,
Rapidas Parizon – al luksa miraĝ'.
Sed ve: ĝin atakis la lupoj-aĉuloj,
Nur kornoj kaj hufoj – la tuta restaĵ'.

Kaj ĝi ne plu povos, ne povos,
amikoj,
Revidi l' avinon, reveni al hejm'.
La kornojn kaj hufojn disportos
formikoj,
La lupoj vizitos tendaron de SEJM!

La parodiojn plenumis ĥoreto de ufanoj, inter ili Boris Kolker, kiu do kantis parodion i.a. pri propra teksto. Krom miaj du, sonis ankoraŭ kelkaj parodioj; la aliajn parodiitajn poetojn kaj tion, ĉu inter la ceteraj parodioj estis kromaj kantoj aŭ nur recitataj versaĵoj – tion bedaŭrinde mi jam fakte ne memoras.

## Tradukitaj versaĵoj

***Parizaj versaĵoj de rusaj poetoj.*** Krom la suprecitita strofo el Puŝkin, mi ne intencis etendi mian tradukemon al poeziaĵoj de klasikuloj – ĝis la jarmil-ŝanĝo, kiam okazis jeno. Post la supremenciita restado en Francio Natalia verkis detalan artikolon pri ĝi por la revuo “Scienco kaj Kulturo”. Ŝi intencis variigi la tekston per verkitaj en Parizo versaĵoj de rusaj poetoj (Vološin, Aĥmatova, Majakovskij, Cvetajeva, Bunin), sed ilin necesis traduki! Sperton pri tio Natalia ne havis, tial ŝia provo traduki eĉ etan fragmenton el Majakovskij ne estis sukcesa. Mi ĝin rigardis, perfektigis kaj konkludis, ke la pluan traduklaboron (ankoraŭ 13 versaĵoj aŭ fragmentoj) prefere faru mi. La artikolo aperis en du numeroj[1]; tiam ekzistis grava kaŭzo por ne mencii, ke la verstradukoj en ĝi (kun)apartenas al mi. Nun mi povas publike malkaŝi la sekreton (pri kiu kelkiuj konjektis jam tiam) kaj prezentas plej interesajn laŭ mi tradukojn el tiu publikaĵo – du plenajn (ambaŭ de Aĥmatova) kaj du relative grandajn fragmentojn, percepteblajn aŭtonome.

Anna Aĥmatova

Сегодня мне письма не принесли:
Забыл он написать или уехал;
Весна, как трель серебряного смеха,
Качаются в заливе корабли.
Сегодня мне письма не принесли...

Он был со мной еще совсем недавно,
Такой влюбленный, ласковый и мой,
Но это было белою зимой,
Теперь весна, и грусть весны отравна,
Он был со мной еще совсем недавно...

Я слышу: легкий трепетный смычок,
Как от предсмертной боли, бьется, бьется
И страшно мне, что сердце разорвется,
Не допишу я этих нежных строк...

[sentitole]

Hodiaŭ vakas mia leterkest’:
Formigris li aŭ pro forges’ ne skribas.
Per tril’ arĝenta la printempo ridas,
En golf’ balancas ŝipojn la tempest’.
Hodiaŭ vakas mia leterkest’…

Li ĵus apudis, plena de tenero,
Enamiĝinta, kara – mia reĝ’,
Sed tio estis, kiam blankis neĝ’.
Nun estas trist-venena primavero,
Li ĵus apudis, plena de tenero…

Leĝera arĉa son’ atingas min,
Ĝi pulsas, kvazaŭ pro la mort-doloro,
Kaj timas mi, ke krevos mia koro,
Ke al ĉi tiuj versoj mankos fin’…

[1] *Arolovič N.* Mi en Francio kaj Francio en mi // Scienco kaj Kulturo: 2000, № 6 (32), p. 2-6; 2001, № 2 (34), p. 35-45.

Anna Aĥmatova

“Песня последней встречи”

Так беспомощно грудь холодела,
Но шаги мои были легки.
Я на правую руку надела
Перчатку с левой руки.

Показалось, что много ступеней,
А я знала – их только три!
Между кленов шепот осенний
Попросил: “Со мною умри!

Я обманут моей унылой,
Переменчивой, злой судьбой”.
Я ответила: “Милый, милый!
И я тоже. Умру с тобой…”

Это песня последней встречи.
Я взглянула на темный дом.
Только в спальне горели свечи
Равнодушно-желтым огнем.

“Kanto de lasta renkonto”

En la brusto malvarmo senpovis,
Sed mi paŝis plu kun elan’.
Sur la dekstran manon mi ŝovis
Ganton por la maldekstra man’.

Multaj ŝtupoj – ŝajno malvera,
Mi ja sciis: estas nur tri!
Voĉ’ aŭtuna, inter-acera
Petis flustre: “Mortu kun mi!

Mi trompiĝis pro la amara,
Malfeliĉa, kruela sort’.”
Mi respondis: “Mi same, kara!
Iru kune ni al la mort’…”

Estis lasta kanto de l’ amo,
Dom’ tenebris ĉe mia rigard’.
Nur en la dormoĉambra flamo
Flav-inertis kandela ard’.

Maksimilian Vološin, “Парижу”

Неслись года, как клочья белой пены...
Ты жил во мне, меняя облик свой;
И, уносимый встречною волной,
Я шел опять в твои замкнуться стены.

Но никогда сквозь жизни перемены
Такой пронзенной не любил тоской
Я каждый камень вещей мостовой
И каждый дом на набережных Сены.
…

“Al Parizo”

Kuregis, kvazaŭ ŝaŭmoflokoj, jaroj…
En mi variis via bunta mond’;
Kaj, forportata de kontraŭa ond’,
Revenis ĉiam mi al viaj skvaroj.

Kaj nun plej akre tra la viv-amaroj
Mi sentas amon el sopira font’
Al ĉiu ŝton’, al ĉiu Sejna pont’,
Al ĉiu dom’sur gloraj trotuaroj.
…

Ivan Bunin, “Ночь”

…
Золотой недвижный свет
До постели лег.
Никого в подлунной нет,
Только я да Бог.
Знает только Он мою

“Nokto”

…
Ora lum’ ĉe mia lit’ –
La senmova stri’.
En la monda infinit’
Solas mi kun Di’.
Nur al Li mi diras pri

| | |
|---|---|
| Мертвую печаль, | Trista viv-final', – |
| Ту, что я от всех таю... | Estas preter ĉies sci'… |
| Холод, блеск, мистраль. | Frido, bril', mistral'. |

***Kosmaj poeziaĵoj.*** En 2001 laŭ peto de Sergej N. Kuznecov mi tradukis kelkajn fragmentojn el versaĵoj de rusaj poetoj por ilustri lian artikolon en interlingvistika libro dediĉita al la 60-jara jubileo de Detlev Blanke.[1] Konatiĝu kun atentindaj specimenoj:

Velimir Ĥlebnikov

| | |
|---|---|
| "Свобода приходит нагая" | "Alvenas la nuda Libero" |
| Свобода приходит нагая, | Alvenas la nuda Libero, |
| Бросая на сердце цветы, | Kun floroj de revoluci', |
| И мы, с нею в ногу шагая, | Paŝante kun ĝi sur la tero, |
| Беседуем с небом на "ты". | Ni vokas ĉielon per "ci". |
| … | … |

| | |
|---|---|
| Miĥail Gerasimov, "Мы победим" | "Ni venkos" |
| … | … |
| Зарей крылатою одеты, | Vestitaj de aŭror' flugile, |
| Мы в небо дерзостно взлетим, | Ni brave flugos al ĉiel', |
| Громокипящею кометой | Kaj tondros ni kometsimile |
| Прорежем млечные пути. | Tra Galaksi' al fora stel'. |
| … | ... |
| Воздвигнем на каналах Марса | Ni kreu sur kanal' de Marso |
| Дворец Свободы Мировой, | Palacon de la Mond-Liber'. |
| Там будет башня Карла Маркса | Kaj tie tur' de Karlo Markso |
| Сиять, как гейзер огневой. | Lumados, kiel fajr-gejser'. |
| … | … |

***Memtraduko.*** Antaŭ 10-15 jaroj mi aktive verkadis ruslingvajn limerikojn (paradoks-ironiajn kvinversojn de strikta formo). Ili publikiĝis plejparte en Interreto, tamen du miaj limerikoj aperis (diverstempe) en la ĵurnalo "Komsomolskaja Pravda", kaj mi eĉ ricevis honorarietojn por tio. Plurfoje mi emis konatigi kun miaj limerikoj ankaŭ esperantistojn, sed tion ĉiam bremsis la nedeziro krokodili en E-medio. Fine mi komprenis, ke la sola maniero prezenti ruslingvaĵon, ne pekante kontraŭ la esperantista etiko, estas traduki ĝin. Do jen (ĝi estas la sola tradukita, sed espereble por specimeno tio sufiĉas):

[1] *Kuznecov S.N.* Interlingvistiko en "kosma dimensio": vojaĝo inter kosmoglotiko kaj kosmolingvistiko // Studoj pri interlingvistiko. Festlibro omaĝe al la 60-jariĝo de Detlev Blanke. – Dobřichovice: KAVA-PECH, 2001. – p. 116-146.

Как-то Эрих Мария Ремарк,
На прогулку отправившись в парк,
Увидал: его тут
“Три товарища” ждут –
Бомж, алкаш и обкуренный нарк.

Foje fama verkisto Remark’,
Promenante ripoze en park’,
Vidis, ke inter padoj
Staras “tri kamaradoj”:
Tramp’, drinkul’ kaj kun ili eĉ nark’[1].

**Literaj ekzercoj**

***Taŭtogramoj.*** Siatempe en REGo[2] estis publikigita mia eksperimenta prozaĵo “Alfabeta retroskopo pri studenta vivo”, en kiu ĉiu frazo estas konstruita taŭtograme – t.e. ĉiuj vortoj de la frazo havas la saman komencan literon. Tamen pri taŭtogramoj, eĉ ne sciante tiun terminon, mi ekzerciĝis jam antaŭe. Dum fruaj E-jaroj mi provis memdistre kompili disajn taŭtogramojn – kelkvortajn frazojn – por la tuta alfabeto. La listo kredeble ne konserviĝis, sed mi memoras jenan frazon: “Ĉu ĉerko ĉirkaŭprenos ĉiopovan ĉinan ĉefulon?” (temis pri la kadukiĝanta Maŭ Zedong).

En OkSEJT-20 (1978) enkadre de KGS estis proponita “hejma tasko” kun proksimume jena vortumo: “prezenti ion neordinaran”. Do mi elpensis kaj prezentis sufiĉe longan taŭtogramon; post la elpaŝo mi donis al dezirantoj la tekston por reskribi. Plu ĝi disvastiĝis sen mi, kaj post multaj jaroj mi vidis ĝin publikigita en la ruslingva esperantologia libro de Aleksandro Melnikov[3]:

Petro Papagov

PAŜOJ PRETER PLENA POSEDO

Plurestimata publiko! Permesu prezenti pikantan, preskaŭ psikologian prozaĵon:

Prologo

Portugalio. Pitoreska provinca pejzaĝo. Paseroj pepas. Paroj pariĝas. Partizanoj pafas. Prizonoj plenas. Provianto putras. Printempo. Pasko.

Prezenta parto

Pastro Pablo post paroĥa preĝo pompe promenas preter pitoreska parko. Petolemaj parkaj putinoj palpebrumas, proponante paradizan plezuron. Pastro Pablo profunde protestas. Pastro Pablo pledas por pieco, puritaneco (pura preteksto! pli precize: pastro Pablo perdis povon…). Putinoj pririda pastron. Pastro Pablo pluve ploras. Pretas paciento por psikiatro!

Posta parolo

---

[1] *Narko* – familiara mallongigo por “narkotulo”.

[2] 2008, № 4 (47), p. 40. (Pli frua versio aperis en la libro “En ombro”.)

[3] *Мельников А.С.* Лингвокультурологические аспекты плановых международных языков (на фоне этнических языков). – Ростов-на-Дону: РГПУ, 2004. – С. 201.

Prudaj personoj! Prezentinto petas pardonon pro peka prozaĵo. Pripensu, pravigu: poentoj pezas pli!

La nomo de virtuala aŭtoro "Petro Papagov" en mia prezentita versio ne estis; iu ĝin elpensis kaj aldonis dum la posta reskribado. Krome, dum la prezento la titolo estis legata ne antaŭ, sed post la dufraza enkonduko.

***Ĉiuliteraĵo.*** Foje la ĉefa movada revuo[1] invitis dezirantojn kompili frazon laŭeble mallongan kaj pli-malpli senchavan, kiu entenus ĉiujn literojn de la E-alfabeto. La rekorda frazlongo, konata tiam al la redaktoro István Ertl, estis 41 literoj. La tasko ekinteresis min ankaŭ kiel matematikiston, do mi decidis akcepti la defion kaj konstrui pli kurtan frazon. Mi rezonis tiel: en la alfabeto estas nur 5 vokaloj apud 23 konsonantoj, sed en tekstoj la vokaloj renkontiĝas pli ofte; sekve minimum-ideala varianto (28 literoj) praktike ne realigeblas. Tial por optimuma rezulto dezirindas konstrui tian frazon, en kiu ĉiu konsonanto renkontiĝus precize unu fojon, kaj la minimumigendan superfluaĵon konsistigus nur la neeviteblaj ripetoj de vokaloj. Post iom da cerbumado kaj radik-kombinado mi trovis jenan solvon (14 vokaloj, 23 konsonantoj, entute 37):

Laŭtgorĝa ĉeĥ' poŝbaze havas kafmucidaĵojn.

Post kelkaj monatoj la revuo publikigis la rezultojn[2]. Evidentiĝis, ke mia frazo estis rekorda inter la alsenditaj. Vere, Ertl mem, gratulinte min okaze de relative senchava solvo, ankaŭ provis kunkonkuri, sed lia atingo estis nur ripeto de mia rekordo. Tamen lia frazo "Ci, ŝajn-milvaĉo, ĵig-eĥiĝados haŭbiz-kufe: tpr!" estas laŭ mi malpli senchava; diference de la mia, ĝin estas malfacile memorfiksi kaj traduki nacilingven. Eĉ pli prave tio direblus pri frazo (kredeble, vere rekorda: 32 literoj) "He, Miĥĉj', ĵaŭdgrafbluzpec' vektŝanĝos!", kiun mi poste trovis en Vikipedio: https://eo.wikipedia.org/wiki/Ĉiuliteraĵo.

## Vortludoj

***Sonasocie.*** En mia unua tendaro SEJT-9 (1967) mi unuafoje aŭdis la kultan kanton "La lingvo por ni". Ĝin kaj aliajn kantojn sonigis ies magnetofono, kiu estis aŭdebla kelkfoje tage. La kantisto havis fortan usonecan prononcon, pro tio la vorto "Esperanto" sonis proksimume tiel: "Espeŭanĉo". Al mi kaj ankoraŭ iuj tendaranoj tio ŝajnis pli simila al "vespermanĝo", kaj aŭdante la surbendigon ni parodie kunkantis: "Ves-per-man-ĝo / estas afero por ni!".

***Translingve.*** Foje mi trafis neesperantistan kompanion, kiu estis festanta

[1] Koncize kaj precize: ĉu malpli ol 41…? // Esperanto. 2001. № 1138 (7-8). P. 40.

[2] Koncize kaj precize: eblas eĉ 37! // Esperanto. 2001. № 1141 (11). P. 200.

ies naskiĝtagon. Oni petis min tosti en Esperanto; mi ekspromte skandis simplan rimaĵon: "Estu riĉa / kaj feliĉa!" – kaj proponis al la ĉeestantoj diveni ties signifon. Inter diversaj versioj plaĉis al mi la jena: "Не в кайфе дело, лишь бы человек был хороший! [Ne temas pri "kajfo" [1], gravas ke la homo estu bona!]".

***Glumarke.*** Ĥarkova esperantisto Eŭgeno Markov dum kelkaj jaroj loĝis en Kurgan kaj fojfoje renkontiĝis kun esperantistoj el najbaraj urboj. Pri tio al mi rakontis Aleksandro Korĵenkov (tiam sverdlovskano), kiu ŝatis, "ornamante" la familinomon de Eŭgeno, ŝerce nomi lin Poŝt-Markov. Mi rememoris pri tio post jardeko, kiam Eŭgeno venis en Moskvon por la 9-a Kongreso de SEU (1990). Preterirante en paŭzo grupeton de interparolantaj kongresanoj, mi aŭdis el ies buŝo lian familinomon; do mi intervenis, imitante kaj daŭrigante la ŝercon de Korĵenkov: "Markov – ĉu Poŝt-Markov? Aŭ eble Glu-Markov?" Neatendite por mi, laŭt-ridege reagis Leo Vulfoviĉ: "Glu-! Certe, Glu-Markov!!". Evidentiĝis, ke iuj kongresanoj, inkluzive Leon, sukcesis sperti, ke Eŭgeno dumkongrese estas tro "algluiĝema".

***Ĉu sciurso ekzistas?*** Foje en Moskva Centra E-klubo Elena Ŝevĉenko prelegis pri vortludoj en Esperanto. Inter abundaj ekzemploj ŝi donis la jenan: "Estas besto sciuro, estas besto urso, ni povas el tiuj vortoj vortlude formi sintezan vorton 'sciurso', sed besto kun tiu nomo ne ekzistas". Mi tuj ekspromte oponis: "Ekzistas! Eĉ pli, sciurso estas inter ni!" – mi alpaŝis al la sidanta proksime Leo Medvedev kaj levis lian manon. – "Vidu: jen la gvidanto de la klubo '*Sci*o', kaj la signifo de lia familinomo estas '*urs*o'. Do, perfekta *sciurs*o!" – konkludis mi akompane de ĉies rido, plej laŭte ridis Leo mem. Post tio li por pluraj jaroj ricevis la kromnomon Sciurso, kaj Valentin Melnikov eĉ publikigis tiuteme felietonon "El la vivo de sciursoj" [2].

***Simpla kalemburo.*** En Moskva E-klubo "Lev Tolstoj" dum eksterprograma grupa babilado iu rememoris pri antaŭnelonga aktivulo, kiu ĉesis vizitadi la klubkunvenojn. Oni ekklaĉis pri probablaj kaŭzoj de tio, kaj mi proponis enigman version: "Verŝajne, lia edzino miaŭas". La aŭskultintoj malkomprenis. Post intriga paŭzeto mi klarigis: "La edzino *miaŭ*as – tio signifas, ke ŝi deklaras al la edzo: *mi aŭ* …!".

***Simpla anekdoto.*** Interparolas du viroj, mizoginoj (virin-malŝatantoj):

– Fine mi kompenis, kial virinoj estas malpli saĝaj ol ni!

– Interese. Kial do?

– Ĉe ili regule aperas *mens-truo*.

* * *

[1] Komplekso de agrablegaj emocioj kaj sensoj, kutime dumripoza.

[2] Moskva Gazeto. 1992. № 1 (9). P. 12-14.

Mi deziras al ĉiuj legintoj – kaj virinoj, kaj viroj – sentruajn mensojn kaj ne miaŭantajn edz(in)ojn. Mi dankas ĉiujn, kiuj tralegis miajn rememorojn ĝis la fino.

Se vi havas demandojn pri la rememoroj kaj ŝatus legi la respondojn en REGo, sendu viajn demandojn al la gazeto. La redaktoro transsendos ilin al mi sen indiki la demandintojn – analoge al publikaj elpaŝoj, kiam la preleginto respondas demandojn senditajn el la halo, kiujn oni kutime ne subskribas. Vi havas tempon ĝis la oktobra numero, ĉar ĝi proksimos al la okazonta novembre 50-jara datreveno de mia E-iĝo.

Vi povas sendi demandojn ankaŭ al mia persona adreso: <viarol@narod.ru>. Sed tiujn demandojn mi konsideros privataj kaj respondos same private, ekster REGo.

## SOMERA ESPERANTISTA RENKONTIĜO EN JEKATERINBURG

Dimanĉe, la 19-n de junio, en Jekaterinburg agrable pasis somera esperantista renkontiĝo. Ĝin partoprenis 18 personoj, iom malpli ol dum la printempa kunveno, sed jam senteblas la somero kaj iuj estas eksterurbe.

La kunveno komenciĝis per la spektado de du nelongaj, sed interesaj videofilmetoj, kiujn prezentis Aleksandr Osincev. Unu el ili estis preparita por la tago de la gepatra lingvo ĉi-jare, kaj en ĝi temas pri la denaskaj esperantistoj. La dua filmo estas fakte prezento de Esperanto kaj opinio pri ĝi de profesia lingvisto Aleksandr Piperski, doktoro el moskva lingvistika instituto. Post la spektado de la filmetoj estis prezentaĵo de Lena Ĥusanova pri la slovakia urbo de la 101-a UK – Nitra. Lena, antaŭnelonge reveninta en Jekaterinburgon post unujara volontulado en Slovakio, dum kiu ŝi kune kun la membroj de LKK (Loka Kongresa Komitato) vizitis ankaŭ Nitra, rakontis pri siaj impresoj pri la urbo, montris ĝiajn vidaĵojn kaj prezentis al ni la kongresan filmĵurnalon “Bruoj de la kongresurbo Nitra”. Dum la kunveno ni ankaŭ parolis pri la vizito de la karavano de koreaj esperantistoj al nia urbo, laŭ ilia vojo al la 101-a UK, planis kiam kaj kie ni povus renkontiĝi kun ili. Poste sekvis la libera opini-interŝanĝo pri tio, kiel eblus reaktivigi nian retan grupon “Esperanto en Jekaterinburg”.

La fina programero de la renkontiĝo estis tradicie amika teumado, neformala babilado. Dum ĝi okazis neatendita por mi surprizo kaj mi ricevis belan florbukedon kaj tre varmajn kaj kortuŝajn gratulojn okaze de la naskiĝtago. Mi ŝatus kore danki ĉiujn miajn jekaterinburgajn geamikojn – esperantistojn por ilia atento kaj la ricevita de mi vera ĝojo!

***Raja Kudrjavceva (Jekaterinburg)***

## MUNKENO, PLUVO, GEK



Dum la Pentekosto, t.e. la 13-an – 16-an de majo munkenaj esperantistoj akceptis la 93-an Germanan Esperanto-Kongreson. La kongresurbo estis elektita pro tre grava kaŭzo – 125-jara jubileo de Esperanto en Munkeno. La kongreson skribe salutis mem la ĉefurbestro de Munkeno, s-ro Reiter.

Oni kutimas komenci de statistikaĵoj pri la partoprenantoj, do ankaŭ mi faru tion. El pli ol ducent kongresanoj la plejmulto, memkompreneble, estis germanoj, sed krom tiuj – reprezentantoj de 19 landoj! Rusion reprezentis du personoj: Elena Nadikova el Ĉeboksari kaj mi.

Ĉu io malbona okazis dum la kongreso? Mi diru: jes, la vetero. La kvar kongresaj tagoj estis preskaŭ tuttempe pluvoplenaj, ankaŭ la noktoj. Ĉio cetera estis perfekta, t.e. la kongresa programo, aranĝita kun vere germana zorgemo kaj akurateco; la salonoj kaj prelegejoj, ekipitaj per ĉio, kion bezonas artistoj kaj prelegantoj; la manĝaĵoj bongustaj kaj, certe, la fama bavara biero.

Riĉeco de la kongresa programo estis miaopinie enviinda eĉ por pli amasaj kunvenoj esperantistaj. Mi aparte emfazu la sukceson de la kurso por komencantoj, gvidata de Stano Marĉek. Anstataŭ prognozitaj dek lernantoj li ricevis dudek ses, kaj post tritagaj intensaj lecionoj ili ekparolis! La libroservo, modele organizita de tri landoj (Germanio – Wolfgang Schwanzer, Slovakio – Stano Marĉek kaj Ĉeĥio – Petro Chrdle), funkciis ĉiutage kun mirinda kaj admirinda kvanto de interesiĝantoj kaj aĉetantoj. Verŝajne tion helpis konvena situo – en granda salono traira inter kelkaj prelegejoj. La kongresanoj, moviĝantaj de unu prelego al alia, neeviteble trafis la libroservon. Sed la prelegoj – ho, ili abundis: variaj kaj interesaj. Entute dum kvar tagoj okazis pli ol kvardek unuhoraj prelegoj, do ĉiu horo, destinita por prelegoj, enhavis de du ĝis ses samtempaj! El-inter tiuj nemultaj, kiujn mi, mem prezentinta kvar (po unu ĉiutage), tamen sukcesis viziti, pleje plaĉis al mi "Esperanto ekster ujo" de brazilano Emilio Cid kaj "Rektmetoda instruo de Esperanto" de Stano Marĉek. Libroservo, lingva kurso, prelegaro – rutinaj programeroj de ĉiu ajn kongreso, tamen ja ili estas korpo de la kongresa programo. Ĉi-okaze la korpo estis ideala, se oni konsideru, ke ĝin formis ankaŭ nepra jarkunveno de GEA, diskutgrupoj pri

la landa agado kaj ekumena diservo.

Ne mankis, certe, ankaŭ bonegaj distraj aranĝoj. La tri kongresaj vesperoj havis allogan programon. Dum la unua la kongresmastroj okaze de sia jubileo bonvenigis la kongresanojn per miksaĵo el modere seriozaj paroladoj, muziko, kantado, sorĉado kaj eĉ bavara vespermanĝeto kun nepraj blankaj kolbasoj. La duan triumfe plenigis "Kajto", sed por la tria surprize venis io neordinara – kabareda programo de viena-budapeŝta grupo, gvidata de Attila Schimmer. Mem Attila, ĉarma viro, finstudinta en la Ŝtata Konservatorio de Vieno, altnivele prezentis enkadre de la programo dekkelkajn kantojn en Esperanto. Endas diri, ke ĉiujn kantotekstojn tradukis Ludmila Novikova, kaj la kantisto publike dankis ŝin de sur la scenejo.

Ĉiun oficialan vesperan programon sekvis la neoficiala kun babilado kaj kantado ĉe biero. Mi maltradicie ne partoprenis, ĉar post la taga programo sentis min elĉerpita kaj aspiris laŭeble rapide atingi mian noktejon en la gastama domo de Karl Breuninger je dudek kilometroj for de la urbo. Aĥ, cetere, krom mi Karl gastigis ankaŭ "Kajton" (Ankie kaj Nanne), Stanon kun la edzino, Martinon el Meksiko, do rapidis al la noktejo nemalbona kompanio, kaj babilado-kantado-bierumado antaŭdorma ĉeestis ankaŭ tie.



Dimanĉe la vetero tamen donacis al la esperantistoj kelkajn sunajn horojn por la ekskursoj. Cetere, mi supozas, ke tiuj horoj estis donacitaj antaŭ ĉio al miloj kaj miloj da zelotoj de la fama munkena futbalteamo "Bavario". La antaŭan tagon la teamo iĝis ĉampiono de Germanio, kaj la adorantoj amase kunvenis en la urba ĉefplaco, kie ilin salutis la futbalistoj, starantaj sur balkono de la urbodomo. Tiu kunveno tamen ne malhelpis ekskursi, do ankaŭ la esperantistoj restis kontentaj.

Dum la solena fermo de la kongreso multaj diris, ke senduba sukceso de la aranĝo okazis dank' al ŝvita prepara kaj dumkongresa laboro de la organiza teamo gvidata de juna, ideplena kaj aktiva prezidanto de GEA Sebastian Kirf, ke neprajn laŭdojn meritas la lokaj ĉeforganizantoj Uli Ender kaj Karl Breuninger, helpataj de ĉiuj munkenaj samideanoj. Mi aliĝu

al ĉiuj laŭdoj, aplaŭdoj kaj dankoj, donacante al miaj munkenaj geamikoj la kanton, verkitan ne speciale, sed dediĉitan al la kongresurbo. Ĝin mi prezentis dum la unua festa kongresvespero.



Sinjoro Munkeno,
konato grizhara,
mi venis al vi, kiel gast' ordinara, –
al kanto de ŝaŭmo, al kruĉa kuntinto,
al gaja etoso de onto kaj into,
ŝvebanta senzorge en via aero, –
al via biero.

Ne diru, ke mi estas stulta kaj blinda!
Mi scias, ke vi estas certe vidinda:
Jen bela preĝejo, jen pompa palaco,
jen gapas turist' al horloĝo sur placo...
Sed mi, kiu foje diboĉas malsobra
kun ĝua envi' al la festo oktobra,
konfesu, ke logas min la atmosfero –
kaj ankaŭ biero!

Vespero eklumas, orkestro ekfortas,
tre lindaj fraŭlinoj la kringojn kolportas,
babilas libere pri l' sentoj sentristaj
turistoj, sportistoj kaj esperantistoj,
kaj ĉiujn envolvas la ĝuo kunsida
en ĉefbierejo, ĉe kruro porkida.
Jes, neforgeseblas ĉi tia libero,
kaj ankaŭ biero!

Kaj sidas mi, plu meditante pri l' eno
de mia aspiro al urbo Munkeno,
ĝi estas enigmo, bonŝanca mistero,
kaj ankaŭ biero!

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

## REZULTOJ DE LA BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA

### *BRANĈO POEZIO*

Unua premio al **Antonio Valén**, Hispanio pro "Paralele"
Dua premio al **Benoît Philippe**, Germanio pro "Mathias"
Tria premio al **Aleksandro Mitin**, Rusio pro "Agemaj homoj kuras al sukceso"
Honora mencio al **Valentin Melnikov**, Rusio pro "Ironiaj hajkoj"
*Juĝkomisiono: Anja Karkiainen, Gerrit Berveling, Giulio Cappa*
Partoprenis 39 verkoj de 18 aŭtoroj el 15 landoj

### *BRANĈO PROZO*

Unua premio al **Jesper Lykke Jacobsen**, Francio pro "La paradiza turo"
Dua premio al **Lenke Szász-Praid**, Rumanio pro "La heliko kaj la lacerto"
Tria premio al **Ewa Grochowska**, Francio pro "Malbenitaj skaraboj"
Tria premio al **Amir Naor**, Israelo pro "Anĝela"
Honora mencio al **Steven D. Brewer**, Usono pro "Krepusko sub fago"
*Juĝkomisiono: Ĵak Le Puil, Eliza Kehlet, Tim Westover*
Partoprenis 25 verkoj de 18 aŭtoroj el 12 landoj

### *BRANĈO TEATRAĴO*

Unua premio ne aljuĝita
Dua premio al **Amir Naor**, Israelo pro "La situacio"
Tria premio ne aljuĝita
Honora mencio al **Raffaele del Re**, Italio pro "Teleskopoj ne funkcias"
*Juĝkomisiono: Wera Blanke, Paul Gubbins, Giuliano Turone*
Patroprenis 3 verkoj de 3 aŭtoroj el 3 landoj

### *BRANĈO ESEO*

Unua premio – premio Luigi Minnaja – al **Rafael Henrique Zerbetto**, Brazilo pro "La influo de Esperanto en la verkaro de Joao Guimaraes Rosa"
Dua premio al **Jorge Camacho Cordón**, Hispanio pro "La vartisto de vortoj"
Tria premio al **Jesus Moinhos Pardavila**, Galegio pro "La arkitekturo de deziro en la verkoj de Tarkony"

Honora mencio al **Jesus Moinhos Pardavila**, Galegio pro “Poŝtkarto el la genra tranĉeo: kio okazis al niaj verkistinoj?”
*Juĝkomisiono: Detlev Blanke, Gotoo Hitoshi, Giridhar Rao*
Partoprenis 7 verkoj de 6 aŭtoroj el 5 landoj

***INFANLIBRO DE LA JARO***

**Eldonejo Bjelovara E-Societo** pro “La trajno en la neĝo”
*Juĝkomisiono: Edmund Grimley Evans, Kitagawa Hisasi, James Rezende Piton*
Partoprenis 4 verkoj de 4 eldonejoj el 4 landoj

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## “TEO KAJ AMO”: KONKURSO DE MALLONGAJ FILMOJ

Jam kolektiĝas la konkursaĵoj por la dua konkurso de mallongaj filmoj “Teo kaj Amo”. La limdato estas la 30-a de novembro 2016, kaj aprile de 2017 en la ĉina urbo Hangzhou okazos la premidona ceremonio kaj la filmfestivalo “Teo kaj Amo”. En ĝi la premiotoj senpage partoprenos, sendepende de la loko en la mondo, kie ili loĝas. La konkurso celas disvastigi Esperanton kaj riĉigi la Esperanto-kulturon: 10 premiitajn filmojn de la unua konkurso eblis spekti ekzemple dum la UK en Nitro. Por helpi disvastigi la informojn, ĉe <http://esperanto.cri.cn/teokajamo2016e/> elŝuteblas la regularo de filmkonkurso “Teo kaj Amo” jam en 19 lingvoj, inter ili kompreneble ankaŭ en Esperanto. Kontaktadreso: <perfectgoja@163.com>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## *LA DANĜERA LINGVO* EN NOVA ELDONO

***La danĝera lingvo:*** *Studoj pri la persekutoj kontraŭ Esperanto*. Ulrich Lins. / Kovrilo kaj ilustraĵoj: Francisco L. Veuthey. UEA, 2016. 375+24 p.

Unu el la plej famaj verkoj pri la Esperanto-historio, *La danĝera lingvo* de Ulrich Lins, aperis ĉe UEA en nova, reviziita eldono ĝustatempe por prezento en la 101-a UK.




Diktatoraj reĝimoj kaj fanatikaj ideologioj stampis Esperanton danĝera lingvo, plej forte en la nazia Germanio kaj en Soveta Unio sub Stalin. En sia detale dokumentita kaj riĉe ilustrita libro la germana historiisto Ulrich Lins montras, ke Hitler kondamnis Esperanton kiel ilon por la mondregado de judoj kaj ke Stalin, likvidante la revolucian internaciismon, subpremis la Esperanto-movadon kaj kaŭzis al ĝiaj anoj grandan suferadon kaj eĉ morton.

La unua eldono de *La danĝera lingvo* aperis en

1988 ĉe la germana eldonejo *Bleicher* kaj kiel represo ĉe *Progreso* en Moskvo en 1990. Aperis tradukoj en la germana, itala, japana, rusa, litova kaj korea; baldaŭ aldoniĝos ankaŭ angla eldono. Por la nova Esperanto-versio la teksto estis plene reviziita kun utiligo de fontoj, kiuj iĝis alireblaj nur post la germana reunuiĝo kaj la disfalo de Soveta Unio.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## *HEROLDO* ESTAS AĈETITA – ĜI RENASKIĜOS EN 2017

"Heroldo de Esperanto" estas unu el la plej malnovaj Esperanto-gazetoj. Dum la lastaj jaroj ĉe la nuna eldonanto ĝi ofte malfruis, havis multajn problemojn – sed nun aperis espero pri ĝia revigliĝo. Fabricio Valle (la antaŭa redaktoro de la revuo Esperanto) kaj Paulo Lima, partneroj en la entrepreno "Sociala Grupo Lexus" en Brazilo, aĉetis la gazeton "Heroldo de Esperanto" kaj eldonos ĝin ekde la jarkolekto 2017. La ĝisnuna eldonanto Kooperativo de Literatura Foiro (membro de la pakto de G.Silfer) respondecas ankoraŭ pri la tuta jarkolekto 2016. La vendo ne koncernas la rajtojn pri la libroj: la rajtoj restas ĉe LF-koop kaj IIC. Ĉe la Facebook-paĝo de la nova eldononto: <https://www.facebook.com/lexussociala/> regule aperos informoj pri la planoj de Lexus rilate la gazeton, fonditan de Teo Jung.

***Ret-Info***

## BIBLIOTEKA APOGO BACHRICH ATENDAS SUBVENCIPETOJN

UEA disdonos por la tria fojo subvenciojn el la Biblioteka Apogo Maria kaj Johano Bachrich por helpi pliriĉigi kolektojn de Esperanto-bibliotekoj. La komenca kapitalo (20 000 USD) de tiu speciala fondaĵo estis donacita de la gefiloj de gesinjoroj Bachrich en 2014. La venezuela esperantisto Johano Bachrich (1921-2005) estis Honora Membro de UEA kaj longtempa motoro de Venezuela Esperanto-Asocio. Ankaŭ lia edzino Maria (1936-2011) estis esperantisto. Biblioteka Apogo Bachrich povas subteni Esperanto-bibliotekojn, kiuj ne estas financataj de ŝtata, urba aŭ alia nemovada instanco. La subvencioj estas uzeblaj por akiri librojn aŭ aliajn varojn, kiuj estas aĉeteblaj ĉe la Libroservo de UEA. En 2015 la fondaĵo subtenis ok bibliotekojn por la suma valoro 1500 eŭroj. Por peti subvencion oni sendu priskribon pri la biblioteko kaj liston de dezirataj libroj aŭ aliaj varoj, ordigitaj laŭ prefero. La petoj atingu la Centran Oficejon de UEA ĝis la 30-a de aŭgusto 2016 paperpoŝte (*Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando*) aŭ retpoŝte <direktoro@co.uea.org>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

*omaĝe al la 80-jariĝo de la poeto*

# Nikolaj Rubcov

***tradukoj de Ludmila Novikova (2016)***

## В осеннем лесу

Доволен я буквально всем!
На животе лежу и ем
Бруснику, спелую бруснику!
Пугаю ящериц на пне,
Потом валяюсь на спине,
Внимая жалобному крику
Болотной птицы...
Надо мной
Между берёзой и сосной
В своей печали бесконечной
Плывут, как мысли, облака,
Внизу волнуется река,
Как чувство радости беспечной...
Я так люблю осенний лес,
Над ним – сияние небес,
Что я хотел бы превратиться
Или в багряный тихий лист,
Иль в дождевой веселый свист,
Но, превратившись, возродиться
И возвратиться в отчий дом,
Чтобы однажды в доме том
Перед дорогою большою
Сказать: – Я был в лесу листом!
Сказать: – Я был в лесу дождём!
Поверьте мне: я чист душою...

*1967*

## En la aŭtuna arbaro

Pri ĉio tre kontentas mi!
Jen plenmatura vakcini',
Kiun mi manĝas de l' branĉet'!
Distimiginte kun rimors'
Lacertojn, mi jen sur la dors'
Aŭskultas krion de lament'
De marĉa birdo...
Super mi
Drivas de nuboj koloni'
En sia senfiniĝo splena,
Kiel la pensoj sen impet'.
Malsupre lirlas riveret',
Samkiel sento ĝojoplena.
Mi ŝatas sub ĉiellazur'
Aŭtunarbaron en purpur',
Kaj mi dezirus transformiĝi
Ĉu al la punca arbfoli',
Ĉu al la gaja pluva stri',
Sed poste ree enkorpiĝi
Kaj veni hejmen en vilaĝ'
Por ke jam en matura aĝ'
Ĉe l' vojo, kiu foren kuras,
Mi diru: – Estis mi foli'!,
Mi diru: – Estis mi pluvstri'!
Ekkredu min: mi animpuras...

*1967*

## Звезда полей

Звезда полей, во мгле заледенелой
Остановившись, смотрит
в полынью.

## La stelo de la kampoj

La stel' de l' kampoj en la frost'
malhela
Glacian flakon sinkas per rigard'.

Уж на часах двенадцать прозвенело,
И сон окутал родину мою...

Звезда полей! В минуты потрясений
Я вспоминал, как тихо за холмом
Она горит над золотом осенним,
Она горит над зимним серебром...

Звезда полей горит, не угасая,
Для всех тревожных жителей земли,
Своим лучом приветливым касаясь
Всех городов, поднявшихся вдали.

Но только здесь, во мгле заледенелой,
Она восходит ярче и полней,
И счастлив я, пока на свете белом
Горит, горит звезда моих полей...

*1964*

Meznokton batis jam horloĝo Kremla,
En dormon volvis sin la patroland'…

La stel' de l' kampoj! En la skua horo
Mi rememoras, kiel el-trans mont'
Ĝi brilas super la aŭtuna oro,
Super arĝent' de frida vintra mond'...

La stel' de l' kampoj brilas senforsvene
Por ĉiu sentrankvila Tera an',
Tuŝante per lumstrio sia bene
La urbojn leviĝantajn en lontan'.

Sed nur ĉi tie, en la frost' malhela,
Leviĝas ĝi en sia plena klar'.
Feliĉas mi dum en la mondo gela
Briladas stelo super la kampar'.

*1964*

## Памяти матери

Вот он и кончился, покой!
Взметая снег, завыла вьюга.
Завыли волки за рекой
Во мраке луга.

Сижу среди своих стихов,
Бумаг и хлама.
А где-то есть во мгле снегов
Могила мамы.

Там поле, небо и стога,
Хочу туда, – о, километры!
Меня ведь свалят с ног снега,
Сведут с ума ночные ветры!

## Memore al la patrino

Jen jam finiĝis bonveter'!
Ekhurlis neĝoblov' senbrida,
Ekhurlis lupoj trans river'
En kampo frida.

Mi versas inter la fatras'
En ĉambra sombro.
Sed ie en la neĝamas' –
De l' panjo tombo.

Ĉielo tie, kamp', fojnstak',
Mi strebas tien – ho, distancoj!
Faligos min tra neĝoj vag'
Kaj frenezigos ventaj dancoj!

Но я смогу, но я смогу
По доброй воле
Пробить дорогу сквозь пургу
В зверином поле!..

Кто там стучит? Уйдите прочь!
Я завтра жду гостей заветных...
А может, мама?
Может, ночь –
Ночные ветры?

*1965*

## Не пришла

Из окна ресторана –
свет зелёный,
болотный,
От асфальта до звёзд
заштрихована ночь
снегопадом,
Снег глухой,
беспристрастный,
бесстрастный,
холодный
Надо мной,
над Невой,
над матросским
суровым отрядом.
Сумасшедший,
ночной,
вдоль железных заборов,
Удивляя людей,
что брожу я?
И мерзну зачем?
Ты и раньше ко мне
приходила нескоро,
А вот не пришла и совсем...
Странный свет,

Sed povos mi, sed nepras pov'
Per iro, rampo
Trabati vojon tra neĝblov'
En besta kampo!..

Kiu frapadas? Iru for!
Nur morgaŭ atendatas gastoj...
Ĉu eble panjo?
Ĉu nokthor'?
Ĉu ventoj hastaj?

*1965*

## Ŝi ne venis

El la restoracio –
lum' verdeca,
marĉoza,
De asfalto ĝis steloj
nokton haĉas neĝvento,

Neĝa dens'
senpasia,
senkora,
moroza
Super mi,
super Nev',
super kruda
marista taĉmento.
Frenezeca,
dumnokta,
ĉe barilo konstrua
Mi por ĉies ekmir'
kial vagas
en frosto ĝis sven'?
Via veno al mi
ĉiam estis malfrua,
Kaj jen nun estis via neven'...
Stranga lum',

ядовитый,
зелёный,
болотный,
Снег и снег
без метельного
свиста и воя.
Снег глухой,
беспристрастный,
бесстрастный,
холодный,
Мёртвый снег,
ты зачем
не даёшь мне покоя?

*1959*

## Берёзы

Я люблю, когда шумят берёзы,
Когда листья падают с берёз.
Слушаю – и набегают слёзы
На глаза, отвыкшие от слёз.

Все очнётся в памяти невольно,
Отзовётся в сердце и в крови.
Станет как-то радостно и больно,
Будто кто-то шепчет о любви.

Только чаще побеждает проза,
Словно дунет ветер хмурых дней.
Ведь шумит такая же берёза
Над могилой матери моей.

На войне отца убила пуля,
А у нас в деревне у оград
С ветром и дождем шумел,
как улей,
Вот такой же жёлтый листопад...

Русь моя, люблю твои берёзы!

venenplena,
verdeca,
marĉoza,
Neĝ' kaj neĝ'
sen blizarda
hurlado kaj danco.
Neĝa dens'
senpasia,
senkora,
moroza.
Morta neĝ',
kial vi
min ne lasas en paco?

*1959*

## Betuloj

Ŝatas mi kiam betuloj bruas,
Kiam falas la folia or'.
Mi aŭskultas kaj la larmoj fluas,
Kvankam ne kutimas mi al plor'.

Reaperas ĉio en memoro
Kaj reeĥas en la sang' kaj kor'
Per nevola ĝojo kaj doloro,
Kvazaŭ sonas ama vortminor'.

Sed pli ofte kvazaŭ vento blovas
De malhelaj tagoj de l' pasint'.
Ja betulo sama folimovas
Super tombo de mia patrin'.

Kiam l' patron murdis militkuglo,
Bruis en vilaĝo la skual'
De pluvad', de venta hurlo
kaj de l' sama flava folifal'...

Ho, Rusi', mi amas ĉi betulojn!

С первых лет я с ними жил и рос.
Потому и набегают слёзы
На глаза, отвыкшие от слёз...

*1957*

Ĉar ni kunas de l’ naskiĝa hor’.
Tial larmoj ŝirmas la okulojn,
Kvankam ne kutimas mi al plor’…

*1957*

## В минуты музыки печальной…

В минуты музыки печальной
Я представляю жёлтый плёс,
И голос женщины прощальный,
И шум порывистых берёз,

И первый снег под небом серым
Среди погаснувших полей,
И путь без солнца, путь без веры
Гонимых снегом журавлей...

Давно душа блуждать устала
В былой любви, в былом хмелю,
Давно понять пора настала,
Что слишком призраки люблю.

Но всё равно в жилищах зыбких –
Попробуй их останови! –
Перекликаясь, плачут скрипки
О жёлтом плёсе, о любви.

И всё равно под небом низким
Я вижу явственно, до слёз,
И жёлтый плёс, и голос близкий,
И шум порывистых берёз.

Как будто вечен час прощальный,
Как будто время ни при чём...
В минуты музыки печальной
Не говорите ни о чём.

*1966*

## Dum sonoj de l’ muziko trista…

Dum sonoj de l’ muziko trista
Aperas en memor’ river’,
Kaj la virina voĉo dista,
Kaj betulbruo en somer’,

Sub grizĉielo neĝ’ unua
Sur forvelkinta kampa herb’,
Kaj sen la suno voj’ enua
De neĝpelata grua herd’…

Delonge la anim’ sin trempas
En eksa am’, en eks-ebri’,
Delonge jam kompreni tempas,
Ke mi tro revas pri l’ vizi’.

Sed tutegale revbalono
Senhalte portas min al flam’!
Intervokante, violonoj
Ploregas pri l’ river’ kaj am’.

Kaj ree sub malhel’ ĉiela
Vizias kun larmiga klar’
Kaj sablorif’, kaj voĉ’ plej bela,
Kaj bruo de la betular’.

Ĉu eternados am’ persista?
Ĉu haltis tempopas’ por mi?..
Dum sonoj de l’ muziko trista
Kun mi parolu pri neni’.

*1966*

## Русский огонёк

Погружены в томительный мороз,
Вокруг меня снега оцепенели.
Оцепенели маленькие ели,
И было небо тёмное, без звёзд.
Какая глушь! Я был один живой,
Один живой в бескрайнем мёртвом поле!

Вдруг тихий свет (пригрезившийся, что ли?)
Мелькнул в пустыне, как сторожевой...
Я был совсем как снежный человек,
Входя в избу (последняя надежда!),
И услыхал, отряхивая снег:
– Вот печь для вас и тёплая одежда... –
Потом хозяйка слушала меня,
Но в тусклом взгляде
Жизни было мало,
И, неподвижно сидя у огня,
Она совсем, казалось, задремала...

Как много жёлтых снимков на Руси
В такой простой и бережной оправе!
И вдруг открылся мне
И поразил
Сиротский смысл семейных фотографий:
Огнём, враждой
Земля полным-полна,
И близких всех душа не позабудет...
– Скажи, родимый,
Будет ли война? –
И я сказал: – Наверное, не будет.

## La rusa lumeto

Rigidaj pro frosteg' kaj frida vent'
Ĉirkaŭis min neĝaroj malimpetaj.
Svenpretaj estis la abioj etaj,
Tenebris sen stelbril' la firmament'.
Jen sovaĝej'! Vivantis sola mi,
Nur mi en la senranda morta kampo!

Subite lum', kiel signala lampo,
Briletis en dezert' (ĉu iluzi'?)...
Mi estis similanta al jeti'[1],
Kiam eniris mi kabanon neĝkovritan.
– Jen estas forno kaj vestaĵ' por vi... –
Ekaŭdis mi la voĉon beninvitan.
Post tio la mastrin' aŭskultis min,
Sed eĉ rigardon
Ŝi al mi ne ĵetis,
Kaj ĉe la forno, varmiginta nin,
Ŝi en senmovo ŝajne ekdormetis...

Multegas flavaj fotoj en Rusi'
En simpla kaj zorgplena ligna kadro!
Jen orfa senco
De l' ekspozici'
Konsternis min post fiksa trarigardo:
Plenplenas Ter'
De strebo al likvid',
Sed en l' animo pereintoj restos...
– Respondu, fil',
Ĉu estos la milit'?
Kaj diris mi: – Verŝajne, ne plu estos.

---

[1] *jetio* – mistera himalaja estulo, "neĝa homo" (laŭ: André Cherpillod. Nepivaj vortoj. – Courgenard: Eldono de la aŭtoro, 1988).

– Дай Бог, дай Бог...
Ведь всем не угодишь,
А от раздора пользы не прибудет...-
И вдруг опять:
– Не будет, говоришь?
– Нет, – говорю, – наверное,
не будет.
– Дай Бог, дай Бог...

И долго на меня
Она смотрела, как глухонемая,
И, головы седой не поднимая,
Опять сидела тихо у огня.
Что снилось ей?
Весь этот белый свет,
Быть может, встал пред нею в то
мгновенье?
Но я глухим бренчанием монет
Прервал ее старинные виденья...
– Господь с тобой! Мы денег
не берём!
– Что ж, – говорю, – желаю вам
здоровья!
За всё добро расплатимся добром,
За всю любовь расплатимся
любовью...

Спасибо, скромный русский огонёк,
За то, что ты в предчувствии
тревожном
Горишь для тех, кто в поле
бездорожном
От всех друзей отчаянно далёк,
За то, что, с доброй верою дружа,
Среди тревог великих и разбоя
Горишь, горишь, как добрая душа,
Горишь во мгле – и нет тебе покоя...

*1965*

– Nu, benu Di'...
Ne eblas harmoni',
Sed en malpac' utilo
ne eknestos... –
Kaj ree jen:
– Ne estos, diras vi? –
– Ne, – diras mi, – verŝajne,
ne plu estos.
– Nu, benu Di'...

Kaj longe ŝi al mi
Rigardis, kiel surdomutulino,
Senvorte ŝi meditis pri l' destino,
Grizharan kapon klinis pli kaj pli.
Ĉu sonĝis ŝi?
Ĉu eble sen rigard'
Ŝi vidis tiam Universon tutan?
Sed mi per monkalkula fi-tintad'
Disrompis vizividon ŝian mutan…
– Je Di'! De l' gasto ne prenindas
mon'!
– Do, – diras mi, – ne lasu vin
la sano!
Por ĉiu bono pagos ni per bon',
Por ĉiu am' ni pagos per la samo...

Ho, dankon, simpla rusa hellumet',
Pro tio, ke kun sento maltrankvila
Vi lumas ĉiam, la savilo brila,
Por la soluloj en misvoja ret',
Pro tio, ke fidela al la kred',
Inter rabad' kaj granda alarmozo
Vi lumas, lumas kun bonfara pret',
Vi lumas en obskuro sen ripozo…

*1965*

## Зелёные цветы

Светлеет грусть, когда цветут цветы,
Когда брожу я многоцветным лугом
Один или с хорошим давним другом,
Который сам не терпит суеты.

За нами шум и пыльные хвосты –
Всё улеглось! Одно осталось ясно –
Что мир устроен грозно и прекрасно,
Что легче там, где поле и цветы.

Остановившись в медленном пути,
Смотрю, как день, играя, расцветает.
Но даже здесь… чего-то не хватает…
Недостаёт того, что не найти.

Как не найти погаснувшей звезды,
Как никогда, бродя цветущей
степью,
Меж белых листьев и на белых
стеблях
Мне не найти зелёные цветы...

*1967*

## La verdaj floroj

Kiam disfloras floroj, svenas trist',
Se vagas mi en kampo buntkolora
En sol' aŭ pare kun amik'
bonkora,
Kiu evitas haston de l' ekzist'.

Postrestas bruo kaj polvnuba
ramp' –
Ĉio normalas! Restas sole vera –
Ke l' mondo estas bela kaj severa,
Ke pli facilas viv' kun flora
kamp'.

Haltinte dum la malrapida vag',
Observas mi kiel la tag' disfloras.
Sed eĉ ĉi tie... ion mi ne trovas...
Kio ekzistas nur en la imag'.

Ne eblas trovi stelon post esting',
Samkiel en floranta stepa foro
Ne eltroveblas sorĉa verda floro
Kun blanka foliar' sur blanka
tig'...

*1967*

## Деревенские ночи

Ветер под окошками,
тихий, как мечтание,
А за огородами
в сумерках полей
Крики перепёлок,
ранних звёзд мерцание,
Ржание стреноженных
молодых коней.
К табуну
с уздечкою

## La vilaĝaj noktoj

Ĉe l' fenestroj blov' de l' vent'
softas, kiel revfacil',
En la kampoj post vilaĝ'
dum tagluma sven'
Jen koturnaj krioj,
de la frua stel' scintil',
De la juna ĉevalar'
maltrankvila hen'.
Al la greg'
kun brida ŝnur'

выбегу из мрака я,
Самого горячего
выберу коня,
И по травам скошенным,
удилами звякая,
Конь в село соседнее
понесёт меня.
Пусть ромашки встречные
от копыт сторонятся,
Вздрогнувшие ивы
брызгают росой, –
Для меня, как музыкой,
снова мир наполнится
Радостью свидания
с девушкой простой!
Всё люблю без памяти
в деревенском стане я,
Будоражат сердце мне
в сумерках полей
Крики перепёлок,
дальних звёзд мерцание,
Ржание стреноженных
молодых коней...

*1953*

mi alkuros en vesper'
Kaj ĉevalon prenos mi
la impetan plej,
Laŭ postfalĉa herba kamp'
kun tintad' de buŝa fer'
Al vilaĝ' najbara ĝi
portos min, ho hej!
Disflankiĝu de l' hufar'
kamomila ĥororond',
Ektiminta plorsalik'
rose ŝprucu min, –
Kiel per muzik' por mi
repleniĝos la tutmond'
Pro la ĝoj' de rendevu'
kun la amatin'!
Ĉion amas mi ĝis sven'
en vilaĝa vivostil',
Ravas min en la kampar'
dum la noktoven'
La koturnaj krioj,
de la frua stel' scintil'
De la juna ĉevalar'
maltrankvila hen'.

*1953*

## Тихая моя родина

*В.Белову*

Тихая моя родина!
Ивы, река, соловьи...
Мать моя здесь похоронена
В детские годы мои.

– Где тут погост? Вы не видели?
Сам я найти не могу. –
Тихо ответили жители:
– Это на том берегу.

Тихо ответили жители,

## Same kvietas mia patri'

*Al V.Belov*

Same kvietas mia patri'!
Sama vilaĝa pejzag'…
Mortis ĉi tie mia patrin'
En mia frua junaĝ'.

– Kie tombejo? Ĉu vidis vi?
Mi mem ne trovos sen per'. –
Softe respondis viro al mi:
– Sur tiu bord' trans river'.

Softe al mi respondadas popol',

Тихо проехал обоз.
Купол церковной обители
Яркой травою зарос.

Там, где я плавал за рыбами,
Сено гребут в сеновал:
Между речными изгибами
Вырыли люди канал.

Тина теперь и болотина
Там, где купаться любил...
Тихая моя родина,
Я ничего не забыл.

Новый забор перед школою,
Тот же зелёный простор.
Словно ворона весёлая,
Сяду опять на забор!

Школа моя деревянная!..
Время придет уезжать –
Речка за мною туманная
Будет бежать и бежать.

С каждой избою и тучею,
С громом, готовым упасть,
Чувствую самую жгучую,
Самую смертную связь.

*1964*

Senbrue veturas ĉar'.
De la iama preĝejo kupol'
Staras kun herba harar'.

Kie mi naĝis post la fiŝar',
Nun kreskas nur la kanab':
La riverturnojn pro la misfar'
Ligas fosita kanal'.

Marĉ' nun ĉi tie anstataŭ river',
En kiu naĝadis mi...
Mia kvieta ĝis nun patroter',
Forgesis mi pri neni'.

Ĉirkaŭ lernejo – nova baril',
Sama helverdo de farb'.
Mi kiel pigo kun gaja jubil'
Saltos sur branĉon de arb'!

Mia eltraba lernejo! Ho ve!
Tempas jam por forvetur'.
Kuros post mi nebuloza river',
Kuros, ne ĉesos la kur'.

Kun ĉiu domo, kun herboj mil,
Kun tondro de besta fort'
Sentas nedisŝireblan mi
Ligon por ĉiam, ĝis mort'.

*1964*

## Видение на холме

Взбегу на холм
и упаду
в траву.
И древностью повеет вдруг
из дола!
И вдруг картины грозного раздора
Я в этот миг увижу наяву.

## Vizio sur la holmo

Supriĝos mi al holm',
ekkuŝos
sur herbar'.
Ekblovos antikvec' tuj el la valo!
Subite bildojn de l' interbatalo
Ekvidos mi en la reala klar'.
Dezertan lumon de la stela mar'

Пустынный свет на звёздных
берегах
И вереницы птиц твоих, Россия,
Затмит на миг
В крови и жемчугах
Тупой башмак скуластого Батыя...

Kaj vicojn de birdaroj de Rusio
Ekŝirmis jen
La sanga, en perlar'
Ŝu-pinto de larĝ-zigomul' Batijo...

Россия, Русь – куда я ни взгляну...
За все твои страдания и битвы
Люблю твою, Россия, старину,
Твои леса, погосты и молитвы,
Люблю твои избушки и цветы,
И небеса, горящие от зноя,
И шёпот ив у омутной воды,
Люблю навек, до вечного покоя...
Россия, Русь! Храни себя, храни!
Смотри, опять в леса твои и долы
Со всех сторон нагрянули они,
Иных времён татары и монголы.
Они несут на флагах чёрный крест,
Они крестами небо закрестили,
И не леса мне видятся окрест,
А лес крестов
в окрестностях
России.

Rusland', Rusi' – sur ĉiu tera pec'...
Pro ĉiuj viaj plagoj kaj bataloj
Mi amas gloron de la pasintec'
Kun la tombejoj, preĝoj kaj analoj.
Mi amas viajn kampojn kun florar',
Kaj sunleviĝon el trans horizonto,
Salikan flustron ĉe rivera klar',
Por ĉiam amas, ĝis la lasta vorto…
Rusland', Rusio! Gardu vin de plag'!
Denove viajn valojn kun arbaroj
Invadas nova hord' de ĉiu flank',
De la nuntemp' mongoloj kaj tataroj.
La nigran krucon portas ties flag',
Ĉielon ili kovris per la krucoj,
Kaj ne arbarojn vidas la imag',
Sed krucojn
sur la tero
de la rusoj.

Кресты, кресты...
Я больше не могу!
Я резко отниму от глаз ладони
И вдруг увижу: смирно на лугу
Траву жуют стреноженные кони.
Заржут они – и где-то у осин
Подхватит это медленное ржанье,
И надо мной –
бессмертных звёзд Руси,
Спокойных звёзд безбрежное
мерцанье...

*1962*

Krucar', krucar'...
La bild' terura plej!
Mi tuj deprenos polmojn de l' vizaĝo
Kaj jen ekvidos: pace en gresej'
Maĉadas herbon ĉevalar' junaĝa.
Kaj ie ĉe tremolarbara rand'
Resonas ties heno soft-trankvila,
Kaj super mi –
ĉielo de Rusland',
De l' pacaj steloj infinito brila…

*1962*



# MIA BET-52

Baltiaj Esperanto-Tagoj pasis la 02-an – 10-an de julio 2016 jam la 52-an fojon. La ĉarma trankvila litova urbeto Birŝtonas estis kvazaŭ speciale konstruita por 300-personaj eventoj. Po kelkfoje tage devigas la partoprenantojn al agrablaj promenadoj la nelongaj distancoj inter loĝejoj, manĝejoj, prelegejoj, kursejoj kaj koncertejoj. La programo, de la unua rigardo aspektanta arkaike monotona – nur kursoj, Somera universitato kaj vesperaj koncertoj, evidentiĝas tute ne enuiga.

Verdire, mi juĝas nur laŭ la ĉiam kontenta aspekto de la partoprenantoj. Mi mem ĉiumatene instruis, post tagmanĝo okupiĝis pri filmado por la *YouTube*-seriaro de MEA MASI "Esperanto: Первый Канал", iom frandis bongustaĵojn en la lokaj restoracietoj kun mirinda kuirarto – kaj jam tempis iri al la koncertoj. Tial, la Someran universitaton mi, bedaŭrinde, ne vizitis – sed oni laŭdis la prelegaron de Valter Ĵeljazni pri bazaj elementoj de judaismo, kaj mi, certe, multe ĝuus la spritajn esperantologiajn konversaciojn de Aleksandr Melnikov. Tamen mi per la propraj okuloj vidis, kiel boladis la vivo en ĉiuj lernoĉambroj de la Esperanta kursejo, kie duskipe antaŭ la tagmanĝo laboris grupoj de komencantoj, komencintoj kaj diversnivelaj progresantoj. Laboris la bone konataj instruistoj: Stano Marĉek, Abduraĥman Junusov, Miĥail Lineckij, Nina Petuĥovska, Svetlana Smetanina. Ankaŭ mi ĝuis mian unuan sperton instrui dum BET. Mi spertis ankaŭ 4-horan ŝippromenadon kaj belan tuttagan ekskurson, konatigintan nin kun la bela trankvila naturo kaj loĝlokoj de la regiono. Estis du gravaj eksterprogramaj solenaĵoj, kiujn mi havis honoron partopreni: la malvasta celebrado de la 25-jariĝo de la renovigita fama gazeto "La Ondo de Esperanto" kaj la multnombra solena akcepto ĉe la vicurbestro, kun abunda manĝado kaj senĉesa babilado. La koncertoj estis neimageble bonaj: JoMo, Sepa kaj Asorti, Ĵomart kaj Nataŝa, benefico de Bronŝtejn, teatraĵo de Georgo Handzlik kaj Saŝa Pilipoviĉ... La plena stelaro! Tamen la plejan ĉarmon de BET, ĝian hejmecon kaj animecon liveradis al ni la postkoncertaj etosumadoj "ĝis la nokto-nokto-fin'" – kun komuna kantado kune kun la plej elstaraj kaj la plej amataj niaj artistoj: Mikaelo Bronŝtejn, Nata Berce, Sergeo Straŝnenko, Natalja Ivanova kaj fojfoje eĉ Ĵomart kaj Nataŝa.

Ĉe tio eblus fini, sed... ne. Povilas Jegorovas,la prezidanto de la Litova



Esperanto-Asocio, menciindas nepre. Modela organizanto, fidela movadano, malavara gastiganto, ĉiam prudenta, klarpensanta, trankvila kaj ĉionkomprena. Dankon, kara samideano, al vi persone kaj al via teamo! (La intervjuon kun Povilas eblas spekti ĉe <https://www.youtube.com/watch?v=mtjAg4gOXD8>.)

***Irina Ĝonĉarova, MEA MASI***

---

Dum la 101-a UK en Nitro la Komitato de UEA elektis por la periodo 2016-2019 novan Estraron el ses personoj: Emilio Cid, Mark Fettes, Lee Jungkee, Stefan MacGill, Martin Schäffer kaj Maria Rosaria Spanò. *(GK de UEA)*

